IX^a^ jaro. N° 143 (7) ☆ Duonmonata ☆ 20 Aprilo 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . . 2. 50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 16 Sd. (40 ct.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## La moralaj kaŭzoj de la militoj

En sia nuntempe mondfama libro pri *La Granda Iluzio,* la angla verkisto Norman Angell, per severa analizo, penis pruvi, ke el ekonomia vidpunkto la milito estas tute senutila eĉ al la venkinta popolo. Lian tezon apogatan per multnombraj ekzemploj *Esperanto* jam resumis, sed en la verko de Norman Angell troviĝas parto ne malpli interesa, en kiu li respondas al tiu ofta — kaj, laŭ nia opinio, ĝusta — kontraŭdiro, ke la veraj kaŭzoj de la militoj ne estas pure ekonomiaj, sed moralaj kaj psikologiaj. Ni resumis por niaj legantoj la paĝojn, en kiuj la aŭtoro notas kaj komparas la tezojn de la militamikoj kaj de la pacamikoj.

* * *

Oni ofte asertas, ke la realaj kaŭzoj de la militoj neniel estas ekonomiaj, ke tiuj kaŭzoj estas moralaj, en la plej larĝa senco de tiu vorto, ĉar ili estas la rezultato de kontraŭaj ideoj pri la rajto, ke ofte ili estas eĉ neraciaj kaj dependas de sentoj: vanteco, konkurenco, gloramo, superemo, instinkta malamo kontraŭ la aliaj, troa ofendiĝemo, blinda pasio, aŭ, pli simple, de sociologia leĝo pri la eterneco de la batalado kaj militemo.

Tiun opinion sufiĉe bone esprimas la jenaj linioj de grava angla revuo:

„Kiel la privatuloj interdisputas kaj interbatalas, ne por sin riĉigi, sed simple, ĉar ili estas ekscititaj kaj volas sin revenĝi, tiel same la nacioj daŭros interbatali, eĉ kiam oni estos pruvinta, ke de tiu batalado ili gajnas nenion. . . . Iafoje ili batalas por la libereco, alifoje por la superregado. Iam ilin instigas la pasio al teritoria almilito. Ofte ili ŝajnas batali nur por batali, t. e., kiel asertas iliaj kondukantoj, por obei al la fatalo. . . . La homoj batalas jen pro amo al la milito, jen pro entuziasmo al nobla aŭ eĉ malnobla celado, sed neniam ili batalas kun kontolibro kaj bilanco en la manoj."

Ekzistas filozofia skolo, kiu havas pli ekstreman tezon. Se oni legas la supran citaĵon, oni konstatos, ke kvankam li notas fakton, la aŭtoro akceptas, ke tiu fakto estas bedaŭrinda kaj ke pli bone estus, se la homoj solvus siajn konfliktojn per la racio. Sed ekzistas teorio, kiu proklamas, ke oni devas instigi la homojn al la batalo kaj ke la milito estas la plej bona solvo. La milito, oni asertas, estas bona socia disciplino, kaj ne estus dezirinde, ke la homaj konfliktoj forlasu la solvon per la fizika forto. Oni aldonas, ke la raso grade malfortiĝos, kiam la grandaj bataloj de la Homaro estos nur bataloj per elokventeco aŭ mono.

Oni rimarku, ke tiu demando ne havas pure teorian signifon. La supre aludita skolo energie kontraŭstaras al ĉiu provo de politika aŭ socia progreso. Estas klare, ke la internaciaj konfliktoj fariĝos duoble danĝeraj kiam, ambaŭflanke de la landolimo, oni kredos je la virteco de la milito kaj senkreditigos la rolon de la pacienco, kiu inter nacioj estas tiel necesa, kiel inter individuoj. Oni tiel faciligas ĉian emon al la milito. La argumentoj, kiujn oni ĉerpas el la biologio kaj el aliaj sciencoj, potence helpas al la kreado de atmosfero favora al la milito kaj malfavora al ĉiu internacia interkonsento.

La vidpunkto de tiu skolo estis antaŭ nelonge subtenata de Generalo Bernhardi — unu el la plej influaj germanaj verkistoj pri taktikaj kaj strategiaj demandoj — en la libro: *Deutschland und der nächste Krieg* (Germanujo kaj la proksima milito). Tiu verko naive asertas, ke Germanujo devas batali por la superregado, sen atento pri la rajtoj kaj interesoj de la aliaj popoloj. Unu el la ĉapitroj estas titolata: „La militdevo" en ĝi la pacifista movado estas nomata

veneniga; oni asertas, ke la devoj de Germanujo povas esti plenumataj nur per la glavo. Dezirinde estas, skribas la aŭtoro, ke la konkerado estu plenumata per la milito, ne per pacaj rimedoj. Silezio ne estus por Prusujo tiel valora akiro se Frederiko la Granda estus ĝin ricevinta de arbitracia kortumo. La provoj por neniigi la militon estas ne nur „malmoralaj kaj neindaj", sed ili senigas la Homaron je ĝia plej bela gloro, nome la rajto oferi la vivon por idealo. „La germana popolo devas lerni, ke la konservado de la paco ne povas kaj neniam povos esti la celo de la politiko."

Oni diverslande multe penas por akceptigi la doktrinon de la rajtoj de l'forto. Ofte oni al tiu tezo donas sciencan ŝajnon, montrante, ke ĝin konfirmas la leĝoj de la evolucio kaj la principoj de la biologio. Oni asertas, ke en la estinteco la homara progreso estas ŝuldata al la postvivo de la plej fortaj en la batalado aŭ en la milito. Oni asertas, ke la batalemo ne estas simpla rezulto de la homa malboneco, sed ke ĝi estas signo de tiu instinkto al protektado, kiun malkaŝas la biologiaj leĝoj.

Tiun opinion klare esprimas S. R. Steinmetz en sia *Philosophie des Kriegs* (Filozofio de la milito). Laŭ li, la milito estas provo, kiun Dio sendas al la nacioj. Ĝi estas la esenca tasko de la ŝtato kaj estas la sola rimedo, per kiu popolo povas uzi siajn energiojn en tuja kaj praktika maniero. Nenia venko estas ebla sen multe da virtoj; ĉian malvenkon kaŭzas malvirto aŭ malforteco. Fideleco, unueco, obstineco, heroeco, konscio, edukiteco, elpensemo kaj ŝparemo, riĉeco, saneco kaj fizika forto, resume, ĉia supereco havas sian efikon, kiam Dio ĵetas la popolojn unu kontraŭ la alia. D-ro Steinmetz ne kredas, ke la hazardo aŭ la ŝanco ludas ian rolon en la fina rezultato.

La internacia konkurenco estas psikologia instigilo de la batalemo; kvankam, simile al aliaj elementaj instinktoj, ĝi estas ofte malbela en siaj manifestiĝoj, ĝi certigas la selektadon kaj tiel plenumas gravan rolon. Troa „afableco" kaj „dolĉeco" en la internaciaj rilatoj havos kiel konsekvencon la rapidan malaperon de la humanaj gentoj je la profito de la kruelaj. La malplej civilizataj ekstermos la plej civilizatajn. La malamikeco inter la nacioj estas do utila por la civilizacio. Tiun ideon trafe esprimas la freŝa verko de usona Generalo Homer Lea. La aŭtoro asertas, ke ne nur la milito estas neevitebla, sed ke ĉiu sistema provo por ĝin malhelpi estas malsaĝa klopodo kontraŭ universala leĝo.

„La naciaj unuoj, en sia naskiĝo, disvolviĝo kaj morto, estas regataj de tiuj samaj leĝoj, kiuj regas la tutan vivon, vegetalan, animalan aŭ nacian: la leĝo de la batalado kaj de la postvivo de la plej fortaj. Tiuj leĝoj, universalaj pri la vivo kaj la tempo, neŝanĝeblaj en siaj kaŭzoj kaj efikoj, varias nur pri la daŭro de la nacia ekzistado, laŭ tio, ke la kono kaj la respekto de tiuj leĝoj estas pli-malpli grandaj. La deziro ilin eviti, aliigi, forkuri aŭ nei, estas malsaĝaĵo, kiun ebligas nur la homa malhumileco. La rezulto ĉiam estis fatala putraĵo... La ideo pri la internacia arbitracio, anstataŭanta la naturajn leĝojn, estas kaŭzata ne nur de nescio pri ilia eco kaj apliko, sed ankaŭ de plene erara kompreno pri la kaŭzoj kaj signifo de la milito."

En la antaŭparolo de la verko de Generalo Lea, alia usona soldato, Generalo John J. P. Storey, diras:

„Malgranda nombro de idealistoj povas revi, ke kun la progreso de la civilizacio, la milito kun siaj teruraĵoj malaperos. La civilizacio ne ŝanĝis la homan naturon. La homa naturo igas la militon neevitebla. La arma batalado malaperos de la tero nur, kiam la homa naturo estos ŝanĝita."

Verko de P-ro barono Karl von Stengel, juristo, kiu estis unu el la germanaj delegitoj ĉe la Haga konferenco, enhavas la jenan penson:

„La milito pli helpis ol malhelpis la progreson. Ateno kaj Romo, ne malgraŭ siaj multaj militoj, sed dank'al ili, altiĝis je la supro de la civilizacio. Grandaj regnoj, kiel Germanujo kaj Italujo, unueciĝis nur per la sango kaj la fero... La ventego purigas la aeron kaj detruas la tro malfortajn arbojn; la fortikajn kverkojn ĝi lasas stari. La milito estas la pruvilo de la politika, fizika kaj intelekta stato de nacio. Regno, en kiu estas multe da putraĵo, povas pace viveti dum kelka tempo, sed ĉe la milito ĝia malforteco malkaŝiĝas... Estas preferinde elspezi por la armadoj ol por la lukso, la manio de l'aŭtomobilismo aŭ la sensualaj plezuroj."

Oni scias, ke de Moltke esprimis la saman ideon: „Eterna paco, li deklaris, estas nur revo, eĉ ne bela revo. La milito estas unu el la elementoj de la Dia ordo. La plej noblaj virtoj de l'homo disvolviĝas per ĝi. Sen la milito, la mondo degenerus kaj malaperus en marĉon de materialismo."

Je la sama epoko, la franca filozofo Ernest Renan formulis similan ideon en sia verko: *La Réforme intellectuelle et morale* (La intelekta kaj morala reformo):

„... Se la malsaĝeco, la negliĝemo, la mallaboremo, la malprudento de la regnoj ne havus kiel konsekvencon la malvenkon, oni ne povas diri, kiel malalta fariĝus la homa gento. La milito estas unu el la kondiĉoj de l'progreso, vipfrapo, kiu malhelpas iun landon dormi en senenergieco. La homon subtenas nur la penado kaj la batalado... Se iam la Homaro fariĝus granda romana imperio kaj ne plu havus eksterajn malamikojn, la moraleco kaj la inteligenteco estus serioze endanĝerigataj."

Similan filozofion esprimas la deklaroj de eks-prezidanto Roosevelt:

„Ni malestimas ĉiun ajn nacion aŭ individuon, kiu ne respondas insulton.... Ni ne admiras la partianon de la timema paco.... Nur la milito permesas al ni akiri la virajn ecojn, kiuj estas necesaj al ni por venki en la senkompata batalo de la nuna vivo... En tiu mondo, la nacio kutimigita je la paco, devos cedi la lokon al aliaj nacioj, kiuj ne perdis siajn virajn kaj aventuremajn kvalitojn."

Filozofo William James resumis jene la samajn ideojn:

„La partio de la milito estas certe prava, asertante, ke la militaj virtoj, kvankam komence akiritaj per la milito, fariĝis homaj kvalitoj konstantaj kaj absolutaj. La patriotaj heroeco kaj ambicio, sub sia milita formo, estas la specifaj formoj de pli universala kaj pli daŭra pasio al konkurenco. La pacifismo varbas neniun partianon en la militarista partio. La militarista partio akceptas la brutecon, la teruron kaj la elspezon; sed ĝi diras, ke tio estas nur unu flanko de la problemo. Ĝi diras, ke la milito estas saniga, ke ĝi estas la plej bona protekto kontraŭ la elementoj de malforteco kaj malkuraĝo...."

Rezonante per indukto oni povas jene resumi la tezon de la militamikoj:

La nacioj interbatalas pro malsamaj ideoj pri la bono. Aŭ ili batalas pro malpli raciaj, malpli altaj kaŭzoj: vanteco, konkurenco, regemo, aŭ pro malamo kaj blinda pasio.

Tiuj kaŭzoj estas tiaj, ke ili pravigas la militon aŭ pruvas ĝin neevitebla, ĉar la batalema popolo postvivas kaj pro la elimino de la pacemaj popoloj, la militemaj nacioj regas la mondon.

Rezonante per dedukto oni povas diri: ĉar la batalado estas la leĝo de la vivo, kaj la kapableco por la batalado estas la kondiĉo de la postvivo de la nacioj kiel de la aliaj organismoj, tiu kapableco sekve devas karakterizi la individuojn, kiuj sukcesis en la porviva batalado.

Tiu profunda biologia leĝo kaŭzas, ke la Homaro neniam konsentos „prezenti la vangon al tiu, kiu frapis ĝin", kaj ke ĝi neniam atingos la moralan nivelon, kiun necesigas tia sintenado.

La viraj kvalitoj, t. e. la kuraĝo, la obstino, la heroeco, postvivas, se postvivas la raso, kiu ilin posedas. Tiuj kvalitoj

superas la brutecon; ili estas la necesega kondiĉo de pli alta moraleco.

Mi intencas montri, ke, kiel ajn ŝajne akcepteblaj estas tiuj asertoj, ili estas bazataj sur profunda iluzio kaj sur tute erara interpretado de la faktoj.

Laŭ *Norman Angell.*

*(Daŭrigota.)* A. R.

# SOCIA VIVO

## Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj

IV

De Santiago al Valparaiso. Jen, unue montetoj plensemataj de kaktoj kaj arbetoj kun la rozkoloraj rebriloj de l'erikoj. Ili malproksimiĝas de la vojo, kaj nin apartigas de ili ebenaĵo kovrata de akvo, en kiu ili respeguliĝas. Poste, ni pasas en mallarĝaj montogorĝoj, en kies fundo fluas hela *arroyo*; briletas la rokoj malsekigitaj de la freŝa pluvo. Nun, la rigardo trafas la malglatan kamparon: salikoj kliniĝas super la *arroyo*, la horizonton baras kurteno de poploj. Ŝajnas kvazaŭ franca pejzaĝo brunigita de l'aŭtuno. Fine, aperas la suno; ĝi ore kolorigas la herbejon, iom gajigas la malĝojajn nudajn poplojn, kaj heligas la eŭkaliptojn.

Ni proksimiĝas al Valparaiso. La pejzaĝo havas pli tropikan karakteron. La kaktoj plimultiĝas, la palmoj ekaperas, agrabla rivero fluas sur la flava sablo. Pena Blanca, Vina del Mar, belaj nomoj de someraj urbetoj kun helaj dometoj ĉirkaŭataj de ĝardenoj, laŭ la kolonia stilo. Neatendite, ĉe malrektiĝo de la vojo, ni ekvidas la maron tute proksiman, briletantan, sematan de blankaj veloj. Ŝtupigita sur la monteto, jen Valparaiso, kie nenio postmontras la antaŭ nelonge okazintan katastrofon.

Mi malsupreniras de la vagono sur la kajojn embarasatajn de komercaĵoj. Sur la akvo la ŝipistoj krias kaj interbatalas por esti la unuaj ĉe la ŝtuparo; la pakaĵoj brue plenigas la pramegojn. Apud la haveno, sur la strato de la bankoj svarmas popolamaso. Sed tiu vivo estas limigata je la kvartalo de la negocoj; la aliaj kvartaloj, pli interesaj kaj pli karakterizaj, estas silentaj. Sur la placoj plantitaj je palmoj, dormetas muloj, atendante la kondukiston.

La zigzagaj stratoj suprengrimpas la monteton kaj kondukas al la popola urbo, konstruata kiel kastelo el ludkartoj; la humilaj domoj rajdas unu sur la alia; ili kaŝas la plankojn kaj la sekigitan koton de siaj muroj sub la vivaj tonoj de la ŝmiraĵo. Ili estas tiel facilrompeblaj, ke ili renversiĝus je la unua ekmovo de la tero. Sed la viroj kaj la virinoj, sidiĝintaj ĉe la sojlo de la pordoj, estas rezignaciemaj kaj ŝajnas kompreni la senutilecon de la homaj penoj kontraŭ la fortego de la katastrofoj.

* * *

Kvin tagoj de ŝipveturado estas necesaj por atingi Peruon. La ŝipo laŭiras la senfruktan marbordon: estas dezertaj spacoj, la duberuĝaj linioj de la rondaj montetoj sin sekvas senfine unu la alian, kiel la ondoj de la maro. Poste, la bordo iom post iom plialtiĝas kaj fariĝas tre alta muro, kiu desupre rigardas la Oceanon. Kie povas esti la nestoj de birdoj, kies aroj sekvas la irsulkajon de la ŝipo? Laroj kaj pelikanoj disflugas en la aero, kriante kiam ili ekvidas kaptotaĵon.

Kiaj strangaj urboj starigitaj sur la neakceptema marbordo! Coquimbo, Antofagasta, Iquique, salpetraj kontoroj, kies placoj ne konas la freŝecon de l'ombro. Lignaj urboj, kiuj malgraŭ sia disvolviĝo, ĉiam havos la aspekton de provizoraj tendaroj. Flanke de tiuj urboj, sur la stepo dezerta, Arica estas pli blanka kaj pli afabla. Oni fine ekvidas kelkajn arbojn ĉirkaŭ la domoj, kaj, inter la montetoj violkolorata de la sunkuŝiĝo, la oazon de la valo Osapa, kun la griza foliaro de ĝiaj olivarboj.

La urbo sidas ĉe la piedo de historia *morro*, grandega abrupta roko desupre rigardanta la maron. Tie staris la peruaj baterioj, kiuj apogis la ŝiparon en la batalo kontraŭ la Ĉilianoj. Tiuj lastaj estis venkontaj, kaj la fortikaĵon ili estis prenontaj, kiam la perua heroo, kolonelo Alfonso Ugarte, prenante la standardon, pelis sian ĉevalon al la abismo, kien ĝi saltis.

Mollendo estas la unua perua haveno, kie haltas la ŝipoj el Ĉilio. Nenio montras, ke oni estas en alia lando. La marbordo ne ŝanĝis aspekton, kaj la urboj similas la urbojn, kiujn ni jam vidis sur la ĉiliaj marbordoj. Ĝi staras sur marborda krutaĵo, kontraŭ kiu frakasiĝas belege la maro, kaj la bruna koloro de la lignaj domoj fandiĝas kun la koloro de la senkreska grundo. Mollendo estas kolonia urbo tre amuza. La nepavimitaj stratoj eĉ ne estas niveligitaj, kaj la domoj sekvas la ondiĝojn de la tero. Sur placo, la preĝejo el plankoj, kiel ĉiuj aliaj konstruaĵoj, estas ornamata de sonorilturoj, kiuj similetas al svisa dometo. Ĉiam la sama malĝoja senfrukteco; malĝojige estas vidi la maldikajn arbojn de la placo kaj la palmarbon, kies pinto superas palisaron. Oni preferus tute ne vidi arbojn. Kiel malproksime de l'Eŭropaj kaj de la Amerikaj urbegoj oni estas! La loĝantaro konsistas preskaŭ ekskluzive el Indianoj, kiuj tiel strange similas Azianojn. Ili ĉiuj estas unuforme vestitaj de pajlaj ĉapelegoj, kaj neniam bruas en la stratoj. Ilia paŝado estas malrapida, kaj en tiu popolo oni divenas grandan obeemon kaj afablecon, sub la influo de la malfortiga klimato, la movoj malrapidiĝas, kaj dolĉiĝas la karakteroj.

Kiel Iquique, kiel Antofagasta, Mollendo ŝajnas marborda kontoro, kie kelkaj Eŭropanoj venis por komercadi kaj altiris enlandulojn, el kiuj konsistas la loĝantaro de l'urbo. Kun surprizo, oni vidas en iu strato librejon kun fiera surskribaĵo: „La literatura Renaskiĝo". Tiun titolon ne konfirmas la hispana literaturaĉo, kiu aperas sur la montra fenestro, kun tradukoj de francaj romanaĉoj . . .

*(Daŭrigota.)* *Charles Lesca*

Trad.[1] *A. R.*

---

## La ekonomia stato de almilitita Turkujo

Korespondanto de pola *Gazeto Varsovia* skizas mallonge la vegetaĵajn riĉaĵojn de la ĵus almilita lando inter Bulgarujo kaj Egea maro.

En la okcidenta, Macedonia parto, precipe en lokoj altaj, la plej grava estas la kulturado de papavo, kovranta ialoke tutajn kampojn, kiuj dum la florado aspektas kvazaŭ helkoloraj tapiŝoj. Oni kulturas ĝin por eltirado de l'opio. En lokoj malaltaj kaj marĉaj sekvas rizo, en la mezaj tabako, kotono kaj grenoj. La tabakon drama'an (de urbo Drama), same kiel la pli okcidentan Jeniĝ-Vardaran, oni alte ŝatas en Eŭropa komerco, kaj multe da ili aĉetas la Aŭstria registaro por siaj fabrikejoj. La tabako enspezigas al la loĝantaro ĉirkaŭ 100 milionojn da frankoj jare. Vendkvanton da tabakfolioj oni taksas po 60 ĝis 150, eĉ 200 frankoj por unu dekaro de tero. Koncerne la papavo, la semoj mem kompensas ĉiujn elspezojn de la kulturado kaj la eligata opio donas po 60—72 frankoj da neta profito por unu dekaro ($^1/_{10}$ da hektaro).

En la orienta, Adrianopla, parto la unua loko apartenas al silkproduktado, precipe en la distriktoj de Soflu kaj Mustafa Paŝa, kiun la Bulgaroj nomas eĉ Silkist-urbo. Morus-

[1] El *Revue d'Europe et d'Amérique.*

arbojn oni plantas en ĉiu ĝardeno, ĉiu vinberejo kaj morusarbaj baskoj okupas vastajn spacojn. Plue sekvas la kulturado de vinarbustoj kaj produktado de vino, pro kiu la urbon Kirk-Kilise la Bulgaroj nomas Urbo de vinberejoj.

Sufiĉe granda parto de apudmara Egea zono estas kovrita de olivarbaj baskoj, sed iliaj arboj estas ofte maljunaj, nefruktodonaj. En la okcidenta parto de l'zono oni ĉiupaŝe trovas olivarbojn kaj tutajn baskojn en stato sovaĝa, malkultura. Ankaŭ en la apudmara zono oni kulturas „sezamon", kiu liveras bonegan oleon, kaj kolektas gajlojn (surfoliajn tuberojn) de sur la kverko (*Quercus Vallonae*) abunda de Ĥeroneo ĝis Enoso. Ĉi tiu gajlo estas multe pli bona ol la franca, de la kverko burgundia, kaj donas al la loĝantaro sufiĉe bonajn enspezojn.

La branĉoj de vegetaj-kulturado kaj industrio, kiujn administras la tabakkompanio kaj la ŝtato (ĉefe la silkoproduktado), distingiĝas per iom da progreso kaj prospero; la ceteraj, ekzemple, la kulturado de papavo, sezamo, vinarbusto kaj grenoj, restas en stato primitiva, ofte vere mizera.

Precipe malbone impresas la bedaŭrinda aspekto de arbaroj. Sennombraj aroj da kaprinoj tute libere mastrumas en ili, ĉirkaŭmordas junajn arbetojn kaj plene ekstermas la restaĵojn postlasitajn de detruantaj homaj manoj. Rodopa montaro iam fama pro siaj arbaregoj hodiaŭ brilas per nudaj ŝtonegoj.

El hejmbestoj oni bredas kaprojn, ŝafojn, ĉevalojn de malgranda raso, azenojn, mulojn, bovojn ankaŭ de malgranda raso *(Bos brachicerus)* kaj bubalojn en sufiĉe granda kvanto, sed ĉion en stato primitiva, senkultura.

Trad. *J. Chankowski* (Subdel. *Novo-Minsk.*)

## Artefarita lakto

La produktado de la nomita lakto estas nenia novaĵo, kiel unuamomente ŝajnas.[1] Japanoj scias la produktadon de lakto el kreskaĵoj, jam de kelkaj centjaroj. La artefaritan lakton ili preparas el faboj de „Soji", kies kreskaĵo prosperas en regionoj, kie maturiĝas maizo. En la Praha esplorinstituto de laktekonomiista lernejo oni provis produkti la lakton el tiu „Soji" kaj oni pretigis la fluaĵon, kiu laŭ konsisteco de albumino proksimiĝas al lakto, ĉar ĝi enhavas ne nur albuminojn, sed ankaŭ kazeinon, el kiu estas eble eĉ fromaĝojn produkti.

Plie ĝi enhavas la delikate emulgitan grason, kiu ankoraŭ pli malrapide surleviĝas, ol sur la natura lakto, tiel ke nur post kelktaga staro ĝi aperigas la kremon. Malgraŭ la ĝusta konsistigo oni ne sukcesis forigi la malagrablan faban guston, kiu perdiĝas sole ĉe la uzo de tiu ĉi lakto en kafo, ĉokolado kaj simila trinkaĵo.

La produktado okazas jenmaniere: La fabojn de „Soji" oni lasas en daŭro de tri—kvar tagoj iom elĝermi, poste oni pistas ilin en akvo kaj la emulgitaĵon oni premfiltras tra densaj toloj.

Krom la nomita produktmaniero, oni preparas la lakton per aldono de migdaloj aŭ nuksoj, kies oleo facile per akvo emulgiĝas. La albuminoj estas anstataŭataj per ovblanko aŭ per ekstraktoj de vegetajalbuminoj tiel, ke la plimulto de artefaritaj laktoj aperantaj kiel komercaĵo, esceptinte la artefaritan lakton el „Soji", malhavas la kazeinon. Se sukcesos produkti la artefaritan lakton laŭ konata kemia konsistigo, ĝi tamen neniam povos anstataŭi la bovinan lakton, tiom pli la virinan lakton, ĉar la natura lakto enhavas, krom tiu konata kemia konsistigo, ankoraŭ la materialojn nekonatajn aŭ en diversa formo ekzistantajn, kiujn ne estas eble produkti per artefarita procedo.

Plie estas necese scii, ke la lakto enhavas la enzimajn materialojn, kiuj en la digestigaj internaĵoj havas gravan signifon.

Laŭ la vidpunkto de nutrado, oni ĝoje akceptas ĉiun pli malkarigitan nutraĵon de artefarita procedo preparitan, sed samtempe necesas scii, ke la artefaritaj produktaĵoj, neniam anstataŭos la naturajn produktojn, kaj laŭ tio necesas ĉi tiujn juĝi kaj ankaŭ pagi. Trad.[1] *Jos. Podlipsky* (Praha).

[1] Vidu pri la sama temo *Esperanto* de 20 novembro 1912.

[1] El gazeto *Kupecke Listy.*

## La industrio de l'vitro

Plinus rakontas, ke la vitro estis eltrovita de la feniciaj komercistoj, kiuj ĝin hazarde produktis farinte fajron sur sablo, kie ili estis konstruintaj fokuson kun blokoj de natro (t. e. karbonato de sodo). Tio estas ne tute neebla, sed ĉiuokaze malmulte verŝajna, ĉar ligna fajro en tiaj kondiĉoj malfacile povas produkti temperaturon sufiĉe altan por fandi la necesan miksaĵon. Sed oni ĉiuokaze povas konkludi, ke la vitro estas konita de tre antikva tempo. La esplorfosoj plenumataj en Egiptujo ofte aperigas vitraĵojn tre antikvajn kaj malnovegajn pentraĵojn, kiuj prezentas laborantajn vitristojn.

El Egiptujo la Romanoj alportis la sekretaĵojn de tiu nova industrio, kaj ili baldaŭ fariĝis la plej lertaj. Cetere, nur en la relative moderna tempo la vitro estis komune uzata. En la antikvaj epokoj oni ĝin konsideris kiel luksaĵon, kiun oni riproĉis je ĝia troa facilrompebleco. Oni ĝin uzis precipe por imiti la multvalorajn ŝtonojn aŭ por fari diversajn reklamobjektojn. Entute la Romanoj ne konis la „industrian vitron".

La alveno de la barbaroj en Italujon havis kiel konsekvencon, ke la vitristoj foriris Konstantinoplon. Je tiu momento oni elpensis la kolorajn vitrojn — la unuaj tiaj provoj estis en baziliko Sankta Sofio. Tiu industrio disvolviĝis precipe laŭ la arta flanko. Interese estas rimarki, ke en la Okcidento la disvolviĝo okazis laŭ pli praktika direkto. Sur la franca teritorio disvastiĝis la kutimo uzi vitrajn pokalojn kaj botelojn; la vitron ankaŭ uzis la riĉuloj je la fenestroj por sin ŝirmi kontraŭ la malvarmo, enlasante lumon internen.

Intertempe, la navigistoj estis revenigintaj la vitristojn el Oriento. La Venecia Respubliko deziris ilin alligi al si; ĝi enfermis ilin unue en aparta kvartalo, poste en la insulo Murano. Ili vivis kune, sed entute ne havis liberecon. La pli bonajn el ili nobeligis la Venecia Konsilantaro. Tamen, malgraŭ ĉiuj antaŭzorgoj, la sekretoj de la Veneciaj vitristoj disvastiĝis. Ili baldaŭ havis timindajn konkurantojn en Bohemujo kaj Vieno. Je la sama epoko, tiu industrio fiksiĝis en Francujo, kaj oni povas diri, ke nuntempe la vitraj produktaĵoj estas dispartigataj precipe laŭ tri ĉefaj landoj: Francujo por la speguloj, Anglujo por la kristaloj, Bohemujo por la industria vitro.

La vitro konsistas el substancoj abunde troveblaj en la naturo, speciale la siliko, la sodo kaj la kalko. Se oni anstataŭigas la sodon per la potaso, kaj la kalkon per plumboksido, oni ricevas kristalon, kiu estas pli brila, pli pura, sed ankaŭ pli facile rompebla. Por fabriki vitron, oni devas miksi en la necesaj proporcioj la konsistigajn elementojn por ilin submeti je temperaturo tiel alta, ke ili fandiĝu kaj per reciproka reago kombiniĝu. Kiam la vitro estas en pasta stato oni povas ĝin modeli kaj per blovigo doni al ĝi ĉiuspecajn formojn. Antaŭe oni blovigis per la buŝo; tion oni ankoraŭ faras en multaj uzinoj; sed tiu metodo ekmalaperas, kaj oni ĉiam pli multe uzas la kunpremitan aeron. Estas rimarkinde konstati, ke en sia esenco la vitrofabrikado,

malgraŭ multaj plibonigoj, restis bazata sur la samaj principoj kiel antaŭ centoj da jaroj. Oni tamen anoncas diversajn novajn invent-patentojn, kiuj enkondukas la uzon de la elektra fluo por la hejtado de la fandujoj. Tiuj provoj estas interesaj kaj ilia sukceso povus havi gravajn konsekvencojn. Ĉar la vitrofabrikoj uzus multe da karbo, ili estus devigataj instaliĝi apud minejoj. Se la elektra fluo estas utiligebla, ili povus stariĝi ankaŭ en montaj landoj kun hidraŭlikaj fortoj kaj disvolviĝi en regionoj havintaj ĝis nun nenian industrion. — *B.*

## La dudekkvar-hora tempdivido

II

En N-o 141 de *Esperanto* aperis artikolo, kiu pro la teknikaj malfacilaĵoj en la fabrikado de 24-horaj horloĝoj kaj pro aliaj kaŭzoj malkonsilas la enkondukon de tiu ĉi tempdivido. Oni permesu, ke partiano de la kontraŭa opinio ĝin mallonge defendu.

Oni klare konsciu, ke la proponita ŝanĝo nur rilatas al la hortabeloj de la fervojoj, vaporŝipoj k. t. p., al la raportoj en tiuj administracioj kaj eble en la armeoj, sed neniel koncernas la tuttagan hejman vivadon. Ni plene konsentas ke estus malpraktike vespermanĝi je la „19-a“, sonorigi la publikajn horloĝojn je 24 batoj aŭ aranĝi ilian ciferplaton kiel tiujn de la privataj hormezuriloj laŭ la nova sistemo. Ĉio tio estas tute ne necesa; sufiĉas, se troviĝas en la stacidomoj kelkaj horloĝoj por tio speciale konstruitaj. La bezono al kiu devas helpi la novaĵo malpli devenas de nia kutima horkalkulado konsiderata kiel sistemo, ol de la presistoj kiuj ne trovis taŭgan formon por ĝin skribe fiksi. Pro la plimultiĝo de la vagonaroj la hortabeloj fariĝas ĉiam pli ampleksaj, kaj ĉar la publiko ne ŝatas kunporti volumegojn, oni devas ĉiam pli ŝpari lokon por ke sur sama spaco oni povu kunigi maksimumon da ciferoj. Estas nun konate, kiel malkontentigaj estis la ĝisnunaj sistemoj indiki la noktajn horojn, ĉiuj postulis specialan atenton tiel de la kompostisto kiel de la leganto, kaj multnombraj estis la eraroj. Simile okazis en la administraj raportoj, kie forgeso de la nokta signo povis okazigi gravegajn sekvojn. Ni kredas ke la problemo fariĝas plej klara se oni konsideras ĝin kiel parteton de pli granda: tio estas la ĝenerala diferenco inter la parolata kaj skribata lingvo. Parolante oni uzas mallongigojn, malprecizajn esprimojn k. t. p., estas konciza pri aferoj kiujn oni pli-malpli supozas konataj de l'alia kunparolanto kaj ofte longa en klarigoj. Kontraŭe la skriba, pripensita lingvo estas pli logika, pro neebleco de tuja klarigpeto ĝi devas esti preciza en la faktoj, rilate al klarigoj k. t. p. ĝi estas kutime pli mallonga, ĉar skribanto zorge elektas la plej trafajn vortojn. Ĉu pro tio oni devus paroli kiel oni skribas? Tute ne. Same oni akceptu, ke en la skribita lingvo de la hortabeloj oni uzu la novan esprimmanieron, laŭsperte la sole taŭgan, sed neniel kredu sin devigata ĝin uzi por la tuttagaj bezonoj. Estos nek necese ŝanĝi la horloĝojn, nek okazos la krizo per kiu oni volas nin timigi, nome: „ke la 24-hora tempo kun 12-horaj horloĝoj postulos de la publiko tre grandan atenton kaj multe da kalkuloj“. Kiam en la hortabelo oni vidos 13, 14, k. t. p. oni multe pli rapide ekscios, ke estas noktaj horoj ol kun la nunaj 1, 2, k.t.p. speciale nigre presitaj aŭ akompanataj de iu malfeliĉa streketo aŭ signo. Estas ja ĝuste tiuj signoj kiuj montriĝis tute malpraktikaj. Ankaŭ la „multaj kalkuloj“ ne ekzistas. Jam post mallonga uzado la 12 novaj ciferoj asociiĝas en la cerbo kun la ideo pri la noktaj horoj de l'kutima sistemo. Oni komparu la skriban esprimon por la monatoj en ciferoj aŭ kun la simplaj vortoj de fremda, ekz. la esperanta lingvo, kiuj kvazaŭ automate prezentiĝas kiam oni alparolas Esperantiston. Certe ni konsentas, ke por kelkaj malkleruloj la ŝanĝo estos malagrabla, sed ni rajtas ne atenti pri ili. En la ĉiutaga vivo ili nenion sentos pri la ŝanĝo, en la maloftaj okazoj, kiam ili bezonos fervoje veturi nokte ili klopodegu aŭ demandu amikon. Kun aŭ sen ŝanĝo tiu speco de vojaĝantoj restos la teruro de la ofte vojaĝanta publiko. Ĉi tiu kontraŭe havas la rajton peti, ke oni akceptu plibonigon, kiu multe faciligas la legadon de la hortabeloj kaj, per ĝia deviga precizeco en la administraj raportoj, estas helpilo por malebligi la terurajn fervojajn akcidentojn.

*Ed. Stettler* (Bern).

* * *

Ĉar la tradukinto de la artikolo sub la suprecitita titolo en N-ro de *Esperanto* petas opiniojn pri sia demando mi skribas por lin sciigi, ke laŭ mia opinio la enkonduko de la 24-hora sistemo multe helpus la redakcion, la presiston, kaj la legantaron de ĉiuj internaciaj horaroj. Nuntempe estas necese montri la diferencon inter la du serioj de dekdu horoj per nigra aŭ dika tipo, ekzemple en mia horaro mi presigas la horojn inter 6 h. vespere kaj 5.59 h. matene (t. e. la noktaj horoj), per dikaj ciferoj.

Kelkaj anglaj fervojoj montras la horojn inter 12.1 meztage kaj 12 h. meznokte per substreketo sub la ciferoj, aliaj per dikaj ciferoj.

Sed en tiu ĉi lando estas tre malfacile movigi la popolan opinion en progreseman direkton. Nia sistemo de Pezaro, Mezuraro, kaj Distancaro estas vera enigmo ne nur al alilanduloj sed ankaŭ al enlanduloj, ĉar ofte la mezuroj malsimiliĝas en la diversaj graflandoj.

*J. Bredall,*
Redaktoro de Cook's Contonental Timetables and Tourist's Handbook.

## La popolaj loĝejoj

I

La demando pri la laborista loĝejo estas tute freŝdata, kaj ĝis nun ĝi ne estas plene solvita; tamen ĝi estas ludonta gravan rolon en la socia evoluado.

La fluo, kiu al la urbo pelas la laboriston, kiu en la senpera ĉirkaŭurbo konstruigas aron da uzinoj, estas tute ne malpligraviĝema; kaj ni devas bedaŭrinde konstati tiun homamasiĝon en kelkajn lokojn.

Ĝenerale la urbestraroj komprenis la devojn, kiujn trudas al ili tiu enmigrado; kaj, per alkonduko de trinkebla akvo, per subtera kloaktubaro, per larĝaj bortruoj alkondukantaj aeron kaj sunon, per antaŭforiga organizo kontraŭ la epidemioj, tiujn sur tro malvasta spaco densegajn homamasojn la urbestraroj igis vivipovaj. Sed la higieno ne progresis tiel bone en la loĝejo, kiel en la urbo; la plialtigo de la luprezoj devigis la laboristojn al tio: utiligi kiel loĝejojn — kaj en tion la registaro ne povis enmiksiĝi — domojn indajn nur je la pioĉo de la malkonstruisto.

Loĝanta en tiaj kondiĉoj, la laboristo ne havas hejmon; pli kaj pli li longrestas en la drinkejo, kies multo senĉese grandiĝas. Malbone nutrata, konsumata de la alkoholo, tute senhavigata de la drinkejo, tiam, en sia loĝejo, en kiu li pasigas la noktojn, li estas baldaŭ trafota de la sekrete observanta lin tuberkulozo, kiu ĉiujare forrabas cent milojn da homoj.

Nuntempe, kun pasio kaj emocio, oni zorgas pri la organizado de la batalo kontraŭ la tuberkulozo. Sed tiuj tiel noblaj kaj grandanimaj penoj estos parte senfruktaj, se samtempe ne okazos — mi ne volas diri antaŭokazos — batalo kontraŭ la malsaniga loĝejo.

Oni estis tute prava, kiam oni diris, ke la loĝejaĉo estas la provizumisto de la drinkejo; sed oni povas aldoni, kun sama vereco, ke la loĝejaĉo estas ankaŭ la provizumisto de la tuberkulozo. Vane oni provos deteni tiun malfeliĉegon, se oni ne komencos elsekigi ĝian fonton. Oni parolas — kaj mi tute ne intencas kontraŭbatali tiujn belajn kreaĵojn, kiujn oni admiras en Germanujo kaj en Anglujo — oni parolas pri la plimultigado de la sanatorioj, kaj pri por tiuj sanatorioj malavare donacotaj pocente milionoj da frankoj, kiujn postulos la konstruado kaj konservado en bona stato. Sed ĉu ne estus malpli koste kaj samtempe pli homame zorgi ankaŭ pri la loĝejo de la laboristo, antaŭ ol la tuberkulozo, kiu tiel malfacile forlasas siajn viktimojn, markos ilin per sia terura postsigno?

Certe, malhelpi al la tuberkulozo forrabi ĝiajn viktimojn estas bona agado; sed ĉu la agado ne estus pli bona se, antaŭ ol la laboristo estos kaptita de tiu malsano, kaj eble, ho ve! kondamnita sen ia kuracilo, oni helpus lin havigi al si sanan loĝejon, kies pureco, aero, kaj ankaŭ la suno forpelos la mortigan bacilon? Estas multe preferinde haltigi la malfeliĉegon, ol donaci al tuberkulozo la liberecon kapti viktimon, kaj poste provi — tute vane tro ofte, ho ve! — forrabi de ĝi tiun viktimon, kiam ĝi posedas ĝin. Neniam la plej bone organizitaj kontraŭtuberkulozaj bataloj resanigos tiom da malsanuloj, kiom da ili povos fabriki la loĝejaĉo, se oni ne detruos ĝin.

Do, la principo de ĉia socia agado estas, kaj tion mi insiste ripetas, la batalo kontraŭ la malsanigaj loĝejoj.

Nun mi dezirus elvidigi al vi, kion oni faris unue en Francujo, poste alilande, por la plibonigo de la loĝejo, poste ni vidos kion oni faris alilande, kaj mi finos montrante per kiaj rimedoj la laboristo povos loĝiĝi bone kaj malkare.

* * *

En Francujo, jam de sesdek jaroj oni sin okupas je la demando pri la loĝejo. En Mulhaŭsen, dum 1852, fondiĝis la unua el niaj grandaj societoj pri loĝejoj „malkare", ĝia sukceso estis mirinda. Tiu Societo, kiun fondis S-ro Dollfus kaj gravaj Mulhaŭsen'aj industriistoj, celis: konstruigi por laboristoj apartajn dometojn kun ĝardeno, kaj aliparte luigi tiujn dometojn, promesante ilin vendi, tiamaniere ke la luintoj, paginte dum 15 ĝis 20 jaroj jaran monsumon enhavantan la renton de l'kapitalo uzata por la konstruado, kaj la amortizon de tiu kapitalo, fariĝu posedantoj.

Tiu Societo mirinde sukcesis, nun pli ol mil ducent dometoj estas konstruitaj per primitiva kapitalo da 140.000 Sm. Efektive, proporcie kiel per la amortizo la prezo de ĉiu domo estis reeniranta en la kason de la Societo, la mono estis uzata por konstrui novajn dometojn; kaj tio montras, ke estas eble konstrui per kapitalo da 140.000 Sm. domojn, kies nuna valoro estas 1.200.000 Sm. ĝis 1.800.000 Sm. El tiuj 1200 domoj jam pli ol 1150 estas tute pagitaj, kaj ĉiu el ĉi-tiuj estas propraĵo de tiuj, kiuj loĝas en ĝi; la aliaj estas amortizataj regule.

La ekzemplon de Mulhaŭsen imitis Le Havre, Lyon, Lille, Nancy, Paris, k. a.

Sed oni ne okupis sin ekskluzive pri dometoj, oni provis ankaŭ plibonigi la grandajn etaĝdomojn, kaj la praktika provado plej sukcesinta okazis en Lyon. Tiacele, kelkaj kleraj kaj inteligentaj personoj starigis societon. La plej interesaj novaĵoj konsistis en la konstruado de domoj per skoriaĵo, malmultekosta materio, kaj en la uzado de masonistoj kaj laboristoj apartenantaj nur al la Societo. Oni sukcesis malplimultigi la elspezojn, kaj dank'al tio la Societo, luigante siajn domojn malpli kare ol la regionaj domposedantoj, povis eltiri ĉiujare el siaj domoj renton proksimume da 5,50 % nete. Al siaj akciuloj la Societo disdonas nur 4 %, la superresto, t. e. 1,50 %, utilis por starigi post malmultaj jaroj rezervkapitalon, kiun oni utiligis por la organizado de ŝparaj restoracioj, banejoj, k. a. En Paris, la Societo filantropia konstruigis multe da domoj. En la departemento Seine, la societo de St. Denis tre bone sukcesis kaj eltiras ĉiujare el siaj domoj renton proksimume da 4 % nete.

Resume, el tiuj diversaj praktikaj provadoj rezultas tio: estas eble doni loĝejojn pli higienajn ol la ordinaraj, luigi ilin malpli kare, kaj tamen havigi al si el la uzita mono sufiĉe gravan renton. Sufiĉas, ke la afero estu bone direktata.

*(Daŭrigota).* Trad.[1] *L. Crébely* (Del. Dôle).

# ❁ NOTOJ ❁

.·. **Falsado de manĝaĵoj.** — Rusa Departemento de Agrikulturo esploris la manieron de diversaj falsaĵoj, aplikataj ĉe vendado de manĝaĵoj, kiu donis interesajn rezultatojn, tiel ekz.: La ruĝa vino estas false preparata el alkoholo, kolorigilo kaj tanino. Porto vino el agaciga vino, glicerino, salicilacido, konjako, sukero, alkoholo, etero, safrano, karobotinkturo kaj „portugala" rozo. En la biero anstataŭ lupolo troviĝas bovgalo, aloo k. s. La lakton oni falsas tiel: la kremo estas demetata kaj anstataŭ ĝi oni aldonas ĉevalcerbon, kanaban emulsion aŭ dolĉan migdalon, tre danĝera por la sano estas aldono de kreto. La abelmielon oni preparas el amelsiropo kaj la mielkukojn el mucida faruno kun klorplumbo. Por la kolbasetoj oni uzas farunpaston kolorigitan per anilino kaj aldonas 25 % da viando, ofte tiun de ĉevalo kaj hundo. En la konfitaĵojn oni metas legomfruktojn kaj plejmulto da bombonoj estas kolorigataj per anilino. En Rusujo precipe oni falsas buteron, kafon kaj pipron. Ĝis kia grado aĉetantoj kutimis al falsitaj produktoj pruvas jena fakto: unu firmo en Moskvo venigis provizon de bona kafo senpere el Orienta Hindujo por ne pagi al germanaj perantoj plian elspezon. La aĉetantoj, observinte la kafon, konkludis, ke tiu ne havas bonan eksteraĵon, tiam la firmo faris jenan „plibeligon": oni enŝutis la kafon en sakojn kaj aldonis plumbaĵojn, poste tiu sako estis multe skuata, pro kio la kernoj glatiĝis; tian kafon la aĉetantoj aprobis.

En la tuta mondo falsado tiel disvastiĝis, ke finnoj rakontas la sekvantan fabeleton: kvar naivaj muŝoj serĉis matenmanĝon; unu trovis konfitaĵon kaj avide satmanĝis ĝin, baldaŭ mortis tro suferante. Vidinte tian morton de sia kunulo, la dua decidis ne manĝi dolĉaĵojn kaj eksidis sur panpecetojn, sed — ho ve — tiu enhavis sekalergoton, kiu mortigis ĝin; la tria ektrinkis bieron kaj ankaŭ pereis. La kvara muŝo, perdinte siajn kunulojn, malesperis kaj decidis adiaŭi la mondon, plenan de diversaj kaptiloj, ĝi trovis la paperon kun subskribo „morto al muŝoj", tuj ĝi eksidis, manĝis kaj... fariĝis miraklo! la morto ne venis, ĉar la papero estis same falsita. — Laŭ „Rusa Vorto", trad. *N. Foss* (Del. Ufa).

.·. **Internacia ekspozicio en Vichy.** — La mondfama banurbo Vichy, ĉiujare vizitata de pli ol 100.000 fremduloj, organizas tutmondan ekspozicion, kiu daŭros de majo ĝis oktobro. La ekspozicio havos lokon apud la bordoj de la rivero Allier, en la plej gaja kaj ĉarma pejzaĝo, je kelkaj centoj da metroj de la urba, parkoj kaj de la varmbanejo. Speciala parto, kaj ne la plej malgravaj, estos rezervata al la higienaj aparatoj kaj al ĉiuj elpensaĵoj pri plibonigado de la varmbanejaj sciencoj kaj de la higieno en la kuraclokoj. Dum la kongreso okazos — kaj tio estos grava por la Esperantistoj, precipe por la kuracistoj kaj T. E. K. A-anoj — *internacia kongreso de la kuracistoj,* kaj alia kongreso pri farmacio kaj higieno. Okazos ankaŭ kongreso de la societoj por helpado kaj savado, kongreso de la societoj de milita preparado, kongreso de pumpistoj, de sciencistoj, konkursoj de muziko, de sportaj ekzercadoj, de policistaj hundoj, de pafistoj k. t. p. Same en Vichy okazos, venontan someron, la federacia gimnastika konkurso — fama franca manifestacio — kiun ĵus akceptis ĉeesti la novelektita prezidanto de la Respubliko, S-ro R. Poincaré. — *M. G.*

[1] El l'*Action Jurassienne.*

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*E. A. Millidge.* **The Esperanto-english dictionary.** — London: Stead's publishing house, Bank buildings, Kingsway. — Prezo: Sm. 2,625. (480 paĝoj).

Feliĉaj devas esti niaj anglaj samideanoj pro tio, ke ili nun havas tiel bonan esperanto-anglan vortaron. Ĉio en ĝi estas laŭdinda: la antaŭparolo, plena de prudentaj ideoj kaj inspirita de ĝusta kompreno pri nia lingvo! — la represo de la Plena gramatiko de Esperanto — la tabelo de la simplaj (korelativaj) vortoj — la vortaro mem, tiel klare kaj legeble presita kaj enhavanta: a) ĉiujn vortojn de U. V. kaj O. A.; b) ĉiujn vortojn de la Fundamento, de la Fundamenta krestomatio, de la Zamenhofaj verkoj kaj paroladoj; c) multajn vortojn el la diversaj naci-esperantaj vortaroj; d) ĝenerale uzatajn literaturajn vortojn; e) teĥnikajn vortojn aperintajn en la sciencaj verkoj kaj en la Enciklopedia Vortareto de Ch. Verax.

La litereto f signas la fundamentajn radikojn (U. V.). La litereto l signas la radikojn oficiale aldonitajn de la Lingva Komitato.

Jen ĝi estas sincera verko, kiu multe helpos al la natura evoluado kaj progresado de nia lingvo.

* * *

*Edmond Privat.* **Tra l'silento,** elektitaj poemoj. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. — Sm. 0,60; luksa eldono: Sm. 1.

Ĉu mi bezonas prezenti al miaj bonvolaj legantoj la aŭtoron de tiuj ĉarmaj poezioj? Ĉiu esperantisto jam konas liajn verkojn kaj senutile estas laŭdi Karlo'n, la faman legolibron, aŭ la elokventajn paroladojn pri nia vivanta lingvo kaj vivanta popolo, pri nia vivanta literaturo; kaj mi jam detale recenzis la Historion de la lingvo Esperanto, kiun ĉiu samideano devas legi kaj tralerni.

El liaj versoj jam kelkaj publikiĝis en diversaj revuoj kaj nur du „Ĉu en tombejo?" kaj „Kantas amo" aperas nun la unuan fojon. La artpresita libreto, per dek poemetoj, feliĉe daŭrigas la poezian serion tiel valore iniciatitan de Leo Belmont, Frenkel, Marie Hankel, Devjatnin, Elski kaj Eska, Schulhof kaj ceteraj slavaj aŭ germanaj originalaj verkistoj. La latinlingvaj poetoj estis ĝis nun iom tro modestaj kaj sindetenaj, kaj oni devas gratuli S-ron Privat, ke li donis imitindan ekzemplon.

Kion kantas la juna estontoriĉa poeto? Liaj kantoj, kompreneble, ne estas gajaj. Ili similas la homan vivon, pli fruktodonan je malĝojo, malamo, disreviĝoj, korrompiĝoj ol la sennuba gajeco, plenumitaj esperoj, realigitaj idealoj. Sed la bonfaremo, la amo, la vido de belnaturo, la rigardoj lazuraj de infanoj estas kvazaŭ sunradioj, kiuj intertempe montras al ni, laŭlonge de malluma vojo, pecetojn de l'pura ĉielo.

Ne, diras al ni la poeto; la ĉerko ne entenas la tutan forpasintan vivon; la ĉerkon venkas memoroj pri amo kaj donitaj flegoj. Super la forruliĝanta tempo, sian flirtantan flagon svingas la homa espero. La amo lulas la revojn de l'koro.

Pli bela ol ondo, pli forta ol vento,
Kantadas la amo plej dolĉan muzikon.
Ĝi kantas en koro, ĝi kantas al sento,
Ĝi kantas orgene ravadon mistikan.

Ĉu tiaj versoj ne estas plej orelkaresa melodio?

Antaŭ ne longe, en publika poresperanta parolado, dezirante pruvi la belsonecon de Esperanto, mi legis la poezion: Tre dolĉe sur lago (p. 17).

Tre dolĉe glitadas boato
Vespere sur lago spegula;
Kaj akvo sub ĉiu rembato
Sulkiĝas kun sono regula...

Ĉiuj geaŭdantoj estis ravitaj kaj multaj ekkriis: „Ho! Kiel bele! Vera muziko estas Esperanto! Tiel belsona lingvo ne estas artefaritaĵo! Ĝi nepre sukcesos kaj venkos la mondon!"

Kion ajn opiniu la praktikuloj! Per siaj poetoj Esperanto ekprogresis, per siaj poetoj ĝi elvenkos!

* * *

**L'Esperanto méthodique.** Cours complet par L. C. Deslaurier. Paris. Presa Esperantista societo, 33, rue Lacépède. Prezo: Sm. 0,500.

Tiu nova kurso de Esperanto ricevis aprobojn de S-ro Boirac kaj de multaj aliaj altestimataj kaj kompetentaj Esperantistoj. Ĝi do plinombrigos la kolekton de bonaj francaj lernolibroj. En 14 ĉapitroj, la verkintino, kiu praktikis sian metodon en privataj kursoj antaŭ ol ĝin publikigi, tre klare instruas la tutan gramatikon de Esperanto.

Mi permesos al mi nur unu kritiketon. Kelkaj treege simplaj demandoj, ekz. la konjugacio, estas malsimpligitaj. Du plenaj paĝoj estas dediĉitaj al la subjunktivo, kiu ekzistas en franca lingvo, sed tute ne en Esperanto. Deirante de la naciaj lingvoj (tion faras ho ve! tro multaj lernolibroj) oni nebuligas la klarecon de nia lingvo kaj nevole enŝovas en ĝin la ĥinaĵojn de niaj naciaj gramatikoj. Tion mi ne ĉesos rediri. Ĉu mi kriados en la dezerto?

* * *

*René Beck.* — **La Mistera Sinjorino,** novelo originale verkita. — Tours (Francl.), librejo Asselin, 7, Avenue de Grammont. Prezo: 20 sd. (2 int. respondkuponoj).

Tiu senpretenda kvarĉapitra originala rakonteto havigos taŭgan legindaĵon por la komencantoj (ne infanoj). La stilo estas klara, simpla, tute korekta kaj klasika.

Krom la 2 preseraroj notitaj je la librofiniĝo, mi notis ankaŭ p. 5, ekcitiĝinte (ekscitiĝinte), p. 6, dektre (dekstre), p. 18, kreskigas (kreskas).

* * *

**La kantoj de Salomono,** libro el la Biblio, el la hebrea tradukis *J. H. Fred;* ĉe la tradukinto, Edinburgh, 144, Bristol Place. Prezo: 20 sd.

S-ro J. H. Fred, kiu bone posedas la hebrean lingvon, ankaŭ volis kunlabori en la tradukadon de la Biblio. Li tute ne volis konkurenci D-on Zamenhof kaj tial li „starigis sian tendon sur unu angulon de la Biblia kampo, malproksime de la Zamenhofa lando". Li ne petas, eĉ ne imagas, ke oni akceptu lian Biblian tradukon kiel oficialaĵon; ĉar li estas nek pastro nek specialisto en religiaj aferoj, kaj li tute ne tradukis la libron kiel verkon religian, sed kiel gravegan verkon de la homara literaturo."

Konsiderante tiun faman verkon el pure literatura profana vidpunkto, oni povas ĝin rigardi kiel paŝtistan dialogon aŭ simplegan dramon. Knabino de l'vilaĝo Sulem estas forrabita kaj trenita en la Salomonan palacon. La Sulemanino, fidela al sia amanto-paŝtisto, kontraŭstaras la flatdirojn kaj promesojn de l'reĝo. La amanto ŝin fine liberigas kaj rekondukas en la patrinan domon.

Jen specimeno de tiu riĉega lirikaĵo kaj de la bonega stilo de la tradukinto:

„Leviĝu, mia amantino, mia belulino, ho venu. Ĉar la vintro jam forpasis, la pluvo ĉesis kaj malaperis; la floroj jam estas sur la tero; la kantsezono jam alvenis, kaj la voĉo de la turto jam aŭdiĝas en nia lando. La figarbo jam maturigas siajn fruktetojn, la vinbertrunkoj siajn vinberetojn, ili jam bonodoras. Leviĝu, mia belulino, kaj venu" (p. 13).

* * *

**La Balŝuoj.** — Unuakta komedieto de *O. Gastineau,* esperantigis *L. Carlos.* — Centra eldonejo, Magdeburg. — Sm. 0,250.

Tiu salona sprita komedieto estas facile ludebla per du sinjorinoj. La stilo estas bonega kaj absolute korekta. Mi ĝin varme rekomendas.

*Verto.*

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

Adiaŭ! Plej nobla el la homoj, vi venkinto en la batalo! Sed neniam vin vidos la batalkampo! neniam la malluma arbaro brilos de lumo de via glavo. Vi ne postlasis filon, sed la kanto konservos vian nomon, estontaj tempoj aŭdos pri vi, aŭdos pri la mortinta Morar.

Laŭta estis la funebro de la herooj, plej laŭta la krevanta ĝemado de Armin. Lin ĝi memorigas pri la morto de lia filo, li mortfalis en la tagoj de la juneco. Carmor sidis proksime apud la heroo, la princo de sonoranta Galmal. Kial singultas la ĝemo de Armin? li parolis; kio estas plorinda? Ĉu ne sonas kantoj por ĝojigi kaj fandi la animon? ili estas nebuleto, kiu suprenirante de la lago fluetas sur la valon kaj la florojn verdantajn plenigas de malseko; sed la suno revenas en sia forto kaj la nebulo estas irinta. Kial vi estas tiel malgaja, Armin, reganto de maralfluita Gorma?

Malgaja! Ja tia mi estas kaj malgrava ne estas la kaŭzo de mia doloro. — Carmor, vi ne perdis filon, ne perdis prosperantan filinon; Colgar, la bravulo, vivas kaj Amira, la plej bela el la knabinoj. La branĉoj de via familio floras, ho Carmor; sed Armin estas la lasta el sia gento. Malluma estas via lito, ho Daŭra, peza estas via dormo en la tombo. — Kiam vi revekiĝos kun viaj kantoj, kun via voĉo melodia? Antaŭen! vi ventoj de l'aŭtuno! antaŭen! rapidegu super la malluman herbejon! Torentoj, muĝu! bruadu ventegoj en la supraĵo de la kverkoj! Migru tra rompitaj nuboj, ho luno, montru alterne vian palan vizaĝon! Memorigu min pri la terura nokto, kiam pereis miaj infanoj, kiam Arindal, la potenca, mortfalis, kiam Daŭra, la kara, foriris.

Daŭra, mia filino, vi estis bela! bela, kia la luno sur la monteto de Fura, blanka kia la neĝo falinta, dolĉa, kia la aero spirata! Arindal, via brako estis forta, via lanco rapida sur la batalejo, via rigardo kia nebulo sur la ondo, via ŝildo fajra nubo en la ventego!

Armar, glora en la milito venis kaj aspiris la manon de Daŭra, ŝi ne obstinis longtempe. Belaj estis la esperoj de iliaj amikoj.

Erath, la filo de Odgall, koleregis, ĉar lia patro kuŝis batmortigita de Armar. Li venis alivestita je fiŝkaptisto: bela estis lia barko sur la ondo, blankaj liaj bukloj pro maljuneco, trankvila lia serioza mieno. „Plej bela el la knabinoj, li diris, aminda filino de Armin, tie ĉe la roko ne malproksime en la maro, de kie alrigardas la ruĝa frukto de l'arbo, tie atendas Armar Daŭra'n. Mi venas por gvidi lian amatinon trans la ruliĝantan maron."

Ŝi sekvis lin kaj vokis je Armar, nenio respondis al la voĉo de l'roko. „Armar! amato! amato mia! kial vi tiel timigas min? Aŭdu, filo de Arnath, aŭdu! Estas Daŭra, kiu vin vokas!"

Erath, la perfidulo, forkuris ridante al la bordo. Ŝi ekkriis, ekvokis patron kaj fraton: Arindal! Armin! Ĉu estas neniu, kiu savos sian Daŭra'n?

Ŝia voĉo venis trans la maron. Arindal, mia filo, iris malsupren de l'monteto, kruda en la akiro de l'ĉaso, liaj sagoj brukrakis je lia flanko, lian arkon li portis en la mano, kvin nigretaj dogoj estis kun li. Li vidis la kuraĝan Erath sur la bordo, kaptis kaj ligis lin al la kverko, forte li ĉirkaŭplektis liajn koksojn, la katenito plenigis per ĝemado la ventojn.

Arindal suriras la ondojn en sia barko por alporti Daŭra'n. Armar venis kolera, forsendis la grize plumitan sagon, ĝi sonis, ĝi enprofundiĝis vian koron, ho Arindal mia filo! Anstataŭ Erath, la perfidulo, pereis vi, la barko atingis la rokon, li alteriĝis tie kaj mortis. Je viaj piedoj fluis la sango de l'frato, kioma estis via ĉagrenego, ho Daŭra!

La ondoj frakasis la barkon, Armar sin ĵetas en la maron por aŭ savi sian Daŭra'n aŭ morti. Rapide ekflugas de l'monteto ventpuŝo en la ondojn, li subakviĝis kaj ne plu leviĝis.

Sole sur la marlavita roko mi aŭdis la plendojn de mia filino. Multa kaj laŭta estis ŝia kriado, tamen la patro ne povis ŝin savi. La tutan nokton mi staradis sur la bordo, mi vidis ŝin en la malforta radio de l'luno; la tutan nokton mi aŭdis ŝian kriadon; laŭta estis la vento, kaj la pluvo bategis la flankon de l'monto. Ŝia voĉo mallaŭtiĝis antaŭ ol aperis la mateno, ŝi formortis kiel la vesperaero inter la herbaro de la rokoj. Ŝarĝita per ĉagreno ŝi mortis kaj lasis Armar'n sola! For estas nia forto en milito, falinta mia fiero inter la knabinoj.

Kiam la ventegoj de l'monto venas, kiam la nordvento altlevas la ondojn, mi sidas sur la sonanta bordo, rigardas al la terura roko. Ofte en la luno subiĝanta mi vidas la spiritojn de miaj infanoj, duonvivaj ili migras kune en malgaja harmonio."

Riverego de larmoj, kiu elfluis el la okuloj de Ĥanjo kaj malŝarĝis ŝian premitan koron, haltigis la kanton de Werther. Li forĵetis la paperon, prenis ŝian manon kaj ploris la plej maldolĉajn larmojn. Ĥanjo ripozis sur la alia kaj kaŝis siajn okulojn per la naztuko. La emocio de ambaŭ estis timiga. Ili sentis sian propran sorton en la sorto de la nobluloj, sentis ĝin kune, kaj iliaj larmoj kuniĝis. La lipoj kaj okuloj de Werther ardis je la brako de Ĥanjo; tremado ŝin ekkaptis, ŝi volis foriĝi, kaj doloro kaj kompato kuŝis peze kiel plumbo sur ŝi. Ŝi spiris por rekonsciiĝi kaj ĝemante petis lin daŭrigi, petis kun la tuta voĉo de l'ĉielo! Werther tremadis, lia koro estis krevanta, li levis la folion kaj legis duone rompita:

„Kial vi vekas min, printempa aero? Vi amas kaj parolas: Mi prirosas per gutoj de l'ĉielo! Sed la tempo de mia velkado estas proksima, proksima la ventego, kiu subigas miajn foliojn! Morgaŭ venos la migranto, venos, kiu min vidis en mia beleco, ronde serĉos min lia okulo en la kamparo kaj ne trovos". —

Li kuŝiĝis kaj dormis longtempe. La servisto trovis lin skribanta, kiam la sekvantan tagon li alportis la kafon je lia voko. Li skribis jenon en la letero al Ĥanjo:

„La lastan fojon do, la lastan fojon mi malfermas la okulojn. Ili, ha, ne plu vidos la sunon; malhela, nebula tago kovradas ĝin. Do funebru, naturo! via filo, via amiko, via amato proksimiĝas sian finon. Ĥanjo, ĝi estas sento unika kaj ĝi pleje similas la sonĝon malklaran, diri al si: Tiu ĉi estas la lasta mateno. La lasta, Ĥanjo, mi ne havas sencon por la vorto: la lasta. Ĉu mi ne staras en mia tuta forto kaj morgaŭ kuŝos etendita kaj senforta sur la tero? Morti! Kion signifas tio? Vidu, ni sonĝas, parolante pri la morto. Mi vidis pli ol unu mortanta; sed tiel limigita estas la homaro, ke ĝi ne havas komprenon por la komenco kaj fino de sia estado. Nun ankoraŭ mia, via! ho amatino! Kaj momenton — disigitaj, soligitaj — eble por eterne? Ne, Ĥanjo, ne. — Kiel mi povas perei, kiel vi povas perei? Ni ja estas! — Perei! — Kion signifas tio? Ree ĝi estas vorto! Malplena sono sen sento por mia koro. — Mortinta, Ĥanjo! enŝovelita en la malvarman teron, tiel malvaste! tiel mallume! — Mi havis amikinon, kiu estis ĉio mia al mia senhelpa juneco, ŝi mortis, kaj mi sekvis ŝian kadavron kaj staris apud la tombo, kiam ili subenigis la ĉerkon kaj la ŝnuregojn zumantajn de sub ĝi resuprentiris, tiam la unua ŝovelilo faligis teron malsupren kaj la timiga kesto donis surdan sonon kaj pli surde kaj ĉiam pli surde kaj fine estis kovrita! Mi teren ĵetis min apud la tombo — tuŝita, emocita, timigita, disŝirita mia interno, sed mi ne sciis, kiel okazis al mi — kiel okazos al mi —. Morti! Tombo! Mi ne komprenas la vortojn!

*(Daŭrigota.)*

# Bileto de blankbarbulo

## *Ni estu modestaj!*

*Ĝedube estas, ke en la nuna momento Esperanto ne tiel rapide progresas, kiel ni esperis antaŭ kelkaj jaroj. Grandaj estis tiam niaj esperoj kaj — laŭ tre homa kaj por la agado ofte necesa spirittendenco — ilia efektiviĝo ŝajnis al ni tute baldaŭa kaj certa.*

*La kuraĝon oni devas havi, rigardi rekte la veron, precipe kiam ĝi ne estas plene kontentiga, kaj alkonformiĝi al ĝi sian konduton.*

*En nia agemo, kiu tro ofte estis agitado, ni iris antaŭen, ĉiam antaŭen kaj ne sufiĉe certigis nian iradon. Ni pli celis la multnombrecon ol la kvaliton de niaj adeptoj. Ni kreis kaj ankoraŭ kreis ĉiam novajn gazetojn, novajn revuojn, novajn lernolibrojn, novajn vortarojn, novajn literaturaĵojn, novajn kursojn, novajn kongresojn kaj kongresetojn. Ĉiu lando volas eldoni sian gazeton, ĉiu fako sian revuon, ĉiu profesoro siajn lernolibrojn, ĉiu novebakita esperantista sian verkon. Ĉiu grupetaro organizas sian kongreson! Fine neniu povas vivi per siaj propraj fortoj: la gazetoj kaj revuoj pereas, la libroj restas nevenditaj en la magazenoj, la lernantoj en ĉiu kurso estas malmultaj, la grupanoj malvolonte pagas siajn tro diversajn kotizaĵojn! Oni lacigas samtempe la adeptojn, de kiuj oni tro postulas, kaj la publikon, kiu opinias nin iom tro insistemaj.*

*Ni tamen ne trograndigu la danĝeron. De ni, de ni solaj dependas, ke ĝi iom post iom malaperu.*

*Speciale pri la eldonaĵoj: ĉu ia monopolo, kiel deziris kelkaj, helpus aŭ estus helpinta kontraŭ la nuna sufiĉegeco? Certe ne!*

*Unue, ĉar monopolo en lingva afero estas nepre neebla.*

*Due, ĉar, se ebla, ĝi mortigus ĉiun liberecon, ĉiun konkurencon kaj sekve la lingvon mem, kiu ne povus vivi, se ĝi ne vivus nature, kiel ĉiu alia lingvo.*

*Sed ĉu aliparte la lingvo pereos pro mala malsano, kiu estas trouzo de necesa libereco kaj embaraso de riĉeco?*

*Espereble ne! ĉar la Esperantistoj, kiuj — indiferentaj al ĉiu persona gloro — laboras ne por si mem, sed nur por la estonta triumfo de Esperanto, komprenos, ke ni venis al momento, kiam nur per pli granda saĝeco, pli granda modereco, pli granda modesteco ni venkos.*

*Kiel el propaganda vidpunkto tiel ankaŭ el lingva tio ĉi estas vera.*

*Resume: tro da gazetoj, tro da revuoj, tro da lernolibroj, tro da literaturaĵoj, tro da novaj ne necesegaj vortoj kaj ankaŭ tro da kongresoj, tro da bruo, tro da agitado, tro da „blufo“.*

*Sed neniu motivo por perdi la por la batalo necesan kuraĝon, la fidon en la estonteco, la ĝojan esperon. Niaj verkistoj, literaturistoj, eldonistoj bonvolu nur ripozi dum kelka tempo kaj vivi „sur sia havaĵo“!; ni ĉiuj propagandistoj laboru kaj agu kun sama energio, kiel ĝis nun, sed pli trankvile, iom pli diskrete, multe pli modeste kaj ni ripetu al ni mem la vortojn de D-ro Zamenhof:*

*L'espero, l'obstino kaj la pacienco,*
*Jen estas la signoj, per kies potenco*
*Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,*
*Atingos la celon en gloro.*

Th. Cart.

---

# Al nia legantaro

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko „Esperantismo“ speciale de la Delegitoj de U. E. A. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon: ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima n-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10 kaj 25 de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

# KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Cham* (German.) — Post impresplena propagandparolado de S-ro H. Reuss el Regensburg fondiĝis nova grupo kun 30 anoj. Instruos S-ro pastro Kern, helpata de S-ro Ketterer. — R.

*Kladno* (Aŭstrio). — La Esp. Klubo Kladno informas nin, ke por eviti diversajn malkomprenojn, ĝi havas nenion komunan kun la grupo nomata: I. Klubo D-ro Zamenhof. — N. S.

*Rio de Janeiro* (Brazil.) — La Brazila Esp. Klubo elektis la jenan novan estraron: P.: G. Leoni; VP.: H. Vargas; I S.: R. de Souza; II S: O. de Souza e Silva; K.: A. Gauland. — S.

*Tientsin* (Ĥinujo). — Oni fondis novan hotelon titolitan: Hotelo kaj kafejo Esperanto. — Ŝ.

**Novaj kursoj.** — *Bologna* (Ital.) — Kurso kun 50 anoj gvidata de S-ro Nanni en la Instituto Ungarelli. — N.

*Bruselo* (Belg.). — Tri kursoj malfermiĝis: por junuloj en la Komerca Lernejo, kun 24 anoj; por plenkreskuloj en la Popola Universitato, 27 anoj, kaj en la Societo de lernintoj de la Iudustria Lernejo, 14 anoj. — H.

*Franzensbad* (Bohem.). — Fine de la kurso okazis sukcesplena ekzameno de la lernintoj. Poste S-ro Hell, prez. de la Esp. Societo en Eger, esprimis sian admiron pri la plenumitaj progresoj. S-ro Kopp, urbkonsilanto, kaj S-ro Kopp, urbestro, instigis la gejunulojn de Franzensbad lerni nian lingvon. La kursgvidanto estis S-ro Hecht, Del.

*Hamburg* (German.). — S-ro Ovens gvidas 2 kursojn. — O.

*Hamilton* (Skotlando). — S-ro G. W. Hare, Del., gvidas kurson kun 20 lernantoj. — H.

*Heilbronn* (German.). — S-ro R. Frasch, Del., gvidas kurson kun 10 anoj. — F.

*Philadelphia* (Usono). — S-ro H. Test, Vicdel., instruas klason ĉe la West Philadelphia branĉo de la Socialistoj, 15 anoj. — S-ro C. C. Coigne gvidas kurson en la Weidner Biblioteko, 10 anoj. — C.

*Prostejov* (Aŭstrio). — Post la fino de la publika kurso (30 anoj) okazis ekzameno de kvar anoj; la duan kurson speciale por laboristoj komencis Prof. Fridrich, 15 anoj;

la trian kurson en la komerca lernejo gvidas Prof. Ŝprinc, 28 anoj.

*Salgótarján* (Hungar.). — S-ro Weisz, Del. en Losonc, gvidas kurson kun 20 lernantoj.

*Sevilla* (Hispan.). — Nova kurso kun 15 lernantoj gvidata de S-ro A. Soriano.

*Siegburg* (German.). — Sekve de Esp. ekspozicio kaj aperigo de kelkaj priesperantaj gazetartikoloj, nova kurso komenciĝis, gvidata de S-ro H. Faber. — F.

*S. Fortunato* (Ital.). — Post sukcesplena parolado de S-ro P. Modesto Prof. Carolfi pli ol 50 personoj sin enskribis por nova kurso. — C.

*St. Petesburgo* (Rus.). — La 30 marto ĉe nova societo „Espero" kurso komenciĝis por personoj nesciantaj fremdajn lingvojn. Gvidanto: S-ro Dmitriev; 17 lernantoj. — D.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *La Kvara Kongreso de Italaj Esperantistoj* okazos en Milano de la 31 aŭgusto ĝis 2 septembro 1913, t. e. tuj post la Internacia Kongreso en Bern. La proksimeco de Milano je Svisujo ebligas al multaj partoprenontoj de la Naŭa, viziti ankaŭ la nacian italan kongreson. La programo ne estas ankoraŭ definitive fiksita. Malfermo okazos la 31 aŭgusto; intencataj estas jenaj aranĝoj: komuna manĝo sekvota de prezentajoj kaj deklamajoj, laboraj kunsidoj, konduko tra la urbo, ekskurso al Monza (Reĝa Parko) kaj tuttaga ekskurso al la Lago Granda (Lago Maggiore); fervoja rabato. La kotizajo por la kongreso estas 2 Sm. sendotaj al S-ro O. Buenemann, Via Saffi 24, Milano. — *La Organiza Komitato.*

*Saksa kunveno de UEA.* — La distrikta kunveno okazos la 1 junio en Frankenberg (Saksujo), Café Schillergarten, apud la stacidomo, kie ankaŭ estos la akceptejo.

*Genève.* — Granda vesperfesto la 5 aprilo okaze de la disdonado de la premioj al la lernantoj de la tria kurso de S-ino Biske; ĉirkaŭ 400 ĉeestantoj. S-ino de Lubicz-Mogilowski parolis pri la historio de la Esp. Klubo en Ĝenevo, S-ro E. Mallet pri la socia rolo de Esp., S-ro H. Hodler pri Esp. en la praktika vivo kaj S-ro Keleti en la nomo de la hungarlandaj samideanoj. Sekvis tre ŝatata koncerto kaj gaja balo, daŭrinta ĝis la mateno.

*Rotterdam* (Nederlando). — La tramistoj-esperantistoj feste memoros la trijaran ekzistadon de sia grupo „La Verda Stelo" per du festkunvenoj, 21 kaj 24 aprilo, en „Tivoli". La programon, kiu enhavas ankaŭ teatrajon, prizorgos por ambaŭ kunvenoj la deklamklubo „Gajeco per Esperanto". — B.

**Paroladoj.** — *Bologna* (Ital.). — S-ro O. Nanni faris tre aplaŭditan paroladon pri Esp. en la Instituto Ungarelli, dank'al ĝia direktoro, s-ro K-ro L. Ferrerio. Aŭskultis pli ol 200 personoj. — N.

*Kolding* (Dan.). — La 1 aprilo parolado de S-ro P. Zoffmann, Del., pri Esp. kaj UEA en la „Unuiĝo de komercaj kaj kontoraj kunhelpantoj". — Z.

*Philadelphia* (Usono). — S-ro Hetzel, Del., faris paroladon al la lingvistaj instruistoj en Central High School. — C.

*Sheffield* (Angl.). — La 29 marto S-ro Bolingbroke Mudie, prez. de UEA, parolis antaŭ 300 personoj en la granda ĉambro de la J. M. C. A. (K. U. J. V.) pri la temo „Vojaĝo de 5000 mejloj tra Polujo kaj la Balkanaj ŝtatoj." Belaj lumbildoj ilustris la paroladon. La 30 marto S-ro Mudie parolis en la sama konstruajo antaŭ Biblia Kurso de junaj viroj. — M. P.

*S. Fortunato* (Ital.). — S-ro P. Modesto Prof. Carolfi faris sukcesplenan paroladon antaŭ 300 personoj. — C.

*St. Ingbert* (German.). — La 15 marto S-ro Omlor parolis pri Stenografio kaj Esp. kaj ilia signifo por la kultura progreso de la nuntempo. Ĉeestis ĉirkaŭ 60 stenografistoj. — O.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — S-ro P-ro Pitlik petas nin komuniki, ke pro malsaniĝo li daŭrigos sian paroladvojaĝon tra Danujo, Svedujo kaj Rusujo — nur post la 15 aprilo. Adreso: A. Pitlik, Jansky vršek 3, Praha III.

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Aprilo* (27). — *Saksa-Turinga Esperanto-Tago* en *Halle a. Saale.*

*Majo* (11-12). — Dana Esperanto-Kongreso en *Aarhus.*

*Majo* (11-12). — Kongreso de la Federacio Esperantista de Bourgogne kaj Jura en *Auxerre.*

*Majo* (11-12). — Brita Esp.-Kongreso en *Eastbourne.*

*Majo* (11-12) — Aŭstria Esperanto-Tago en *Graz.*

*Majo* (11-12). — Belga Esperanto-Kongreso en *Spa.*

*Majo* (11-12). — Kongreso de la Rodana Esperantista Federacio en *Valence.* — Distrikta kunveno du UEA.

*Junio* (1). — Kongreso de la Nordfranca Esperantista Federacio en *Douai.*

*Junio* (1). — Tago de la Saksa Esperanto-Ligo en *Frankenberg.* — Distrikta kunveno de UEA.

*Junio* (6-9). — Skota Esperanto-Kongreso en *Greenock.*

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago.*

*Aŭgusto* (14-20). Esperantista Semajno-Kongreso en *Gent.*

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart.*

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno.*

*Aŭgusto - Septembro* (31-2). — Kongreso de italaj Esperantistoj en *Milano.*

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 Aŭgusto 1913

La organiza laboro de la Naŭa nun tre bone marŝas, kaj la aliĝoj iom post iom alvenas, sed tamen estas necese, ke la Esperantistoj, kiuj intencas partopreni en la kongreso, aliĝu ĉiuj kiel eble plej baldaŭ. Oni pripensu, ke por multaj organizotaj aferoj, por la kongreslibro, la presaĵoj, la diversaj festoj kaj amuzaĵoj, la Loka Komitato devas scii la proksimuman nombron de la kongresanoj, kaj ĉar la tempo por la organizado de la Naŭa estas nur duone tiel longa ol la tempo por la aliaj kongresoj. Pro tio ni ankoraŭ unu fojon petas, ke oni ne prokrastu la aliĝon kaj alsendon de la mono por la kongresa karto (6 Sm = 15 Frankoj). Se oni ne ankoraŭ klare scias, ĉu oni loĝos en privata ĉambro aŭ en hotelo, oni ja povos sendi la monon por la loĝado pli malfrue, sed ni petas ne mendu ĉambron post fino de junio; post tiu dato, la komitato ne plu povos akcepti respondecon por bona loĝejo.

Nia kara Majstro D-ro *L. L. Zamenhof* ĵus sciigas nin, ke li ĉeestos la kongreson kun la *tuta familio,* edzino kaj tri gefiloj. Estas do devo de ĉiuj Esperantistoj honori la Majstron per sia ĉeesto kaj tiamaniere ankaŭ helpi al la bonsukceso de la Naŭa.

La Organiza Komitato estas feliĉa povi certigi nun la Esperantistaron, ke ni en Berno havos tre verŝajne la plej belan Kongresejon el ĉiuj ĝisnunaj kongresoj, ĉar ni sukcesis lui la novan Kazinon por ĉiuj niaj festoj kaj kunvenoj, krom la fakaj kunsidoj, kiuj okazos en la nova Universitato. La granda halo en la Kazino enhavas sidlokojn por 1500 personoj, en ĝi estas granda, tute nova orgeno, kiun ludos plej fama muzikisto Carl Locher, mondfama orgen-

ludisto. En la sama halo okazos la diversaj vesperaj festoj: koncertoj, balo k. t. p. La Kazino, kies bildon oni vidas en ĉi tiu numero, estas tute nova domego en aparte bela stilo, ĝi sidas apud la bordo de la rivero Aare, meze en la urbo kaj ĉe la fino de la mirinde bela ponto al la Kirchenfeld, plej nobla kvartalo de Bern; antaŭ la Kazino estas granda teraso, ombrumita de kaŝtanarboj kaj



La Kazino en Berno

de sur tiu teraso oni ĝuas aspekton de la tuta Alpara ĉeno. En la sama domo troviĝas, je nia dispono kelkaj pli-malpli grandaj salonoj por la laboraj kunsidoj kaj la kunsidoj de UEA. En la teretaĝo kaj sur la teraso oni povas trinki kaj manĝi kaj ĉiun tagon ĝuos unuarangan koncerton senpage.

Por la organizado de la diversaj ekskursoj kaj vojaĝoj dum kaj post la kongreso ni faris kontrakton kun bona vojaĝfirmo en Zürich, kiu nun preparas la planojn de la diversaj vojaĝoj. En nia venonta cirkulero ni verŝajne povos detale raporti pri tiu flanko de la kongreso.

La Organiza Komitato ankaŭ komencis starigi Honoran Komitaton, al kiu jam aliĝis multaj eminentuloj en Bern.

Ĉar por la organizado de la Naŭa, kiel ni jam diris, ni havas nur kelkajn monatojn, ni insiste petas ĉiujn *Esperantistajn Gazetojn* kaj ĉiujn Delegitojn de UEA, ke ili diskonigu per ĉiu forto la enhavon de niaj cirkuleroj, kiujn ni bedaŭrinde pro manko de tempo ne povas sendi al ĉiuj aparte.

Fine ni petas pardonon al tiuj personoj, kiuj jam mendis poŝtkartojn kaj glumarkojn sed ilin ne ricevis ĝis nun. Ĉar ni mem, pro fatala malhelpo ricevis la sigelmarkojn nur nun, ni prokrastis ankaŭ la sendadon de la kartoj por eviti duoblan koston. Sed nun la regula dissendado komencis, kaj baldaŭ ĉiuj estos kontentigitaj. Ni samtempe rememorigas, ke ni eldonis du belegajn poŝtkartojn (po 10 cts. = 4 sd) kaj ankaŭ same belan sigelmarkon (100 ekzempl. = 40 sd).

*Direktanta Komitato.*

## DIVERSAĴOJ.

∴ *Esperanto ŝparigas.* — Oni petas nin atentigi nian legantaron, ke la kuracurbo Francensbad (Bohemujo) donas al ĉiuj Esperantistoj rabaton ĝis 50 % je la uzado de siaj banoj kaj kuraciloj. Tiu ĉi urbo eldonis belan ilustritan gvidlibron, kiun ĉiu Esperantisto povas senpage ricevi. Bankuracisto D-ro Maurus Fisch ankaŭ volonte konsentas al la Esperantistoj rabaton de 20 % je la kuracuzado en sia dieta-fizika pensiono, laŭ tre modera tarifo.

∴ *Esperanto kaj komerco.* — La Industria kaj komerca Esperantista Societo de Francujo, en sia lasta ĝenerala kunveno, decidis modifi sian Statuton, tiel ke de nun estos permesata la kreado de sekcioj en provinco kaj de membroj korespondantaj, kiuj ĝuas specialajn profitojn en Francujo kaj eksterlando. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro E. Renoult, prez., 18, Avenue Philippe Auguste, Paris.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Lingvo Internacia* (marto). *Necesa sinforgesemo* (L. I.):

„... Tre klare tamen, kvankam ĝentile, la Esperantistaro povas montri al ĉiuj, ke la personaj demandoj ĝin tute ne interesas, ĝin eĉ tedas kaj ke, — ĉar ĝi ne celas la plialtigon de iu aŭ alia, sed nur la efektivigon de difinita programo: la sukceso de Esperanto kiel internacia lingvo, — ĝi postulas firme de ĉiuj kunbatalantoj, ke ili bonvolu sin forgesi mem dum la batalo kaj eĉ poste. Iuj timas, ke per tia severeco ni riskos perdi kelkajn pli malpli gloremajn militistojn. Ni esperas, ne! Sed, se jes, tia perdo vere ne estus tre grava, ĉar nur ŝajna, ne daŭra estas la forto, kiun alportus al nia afero homoj, kiuj, laborante por si mem en rapidemo, — ĉar venko post ili, por ili ne plu estus venko, — riskus kompromiti nian tutan movadon, kiu bezonas ne nur persisteman energion, sed ankaŭ paciencon, paciencon kaj ankoraŭ paciencon...“

∴ *La Revuo* (aprilo) *Babilado* (C. Bourlet):

„... Zamenhof, kiu kun klarvideco apenaŭ imagebla, jam de la komenco admirinde difinis la rolon de Esperanto kaj de la Esperantistoj, nur parolis al ni en sia „Espero“ pri la „pacaj batalantoj“. Ligitaj per komuna lingvo kaj komuna idealo, kvankam plene sendependaj pri ĉio alia, la Esperantistoj estas do, *devas esti,* ia *armeo,* ia *batalantaro* senĉese varbanta novajn rekrutojn. Ne fermita, sed kontraŭe larĝe malfermita al ĉiu novveninto devas esti nia rondo. Neniuj kutimoj, neniuj specialaj moroj, neniuj leĝoj devas nin kateni; kaj nur la alta idealo devas nin gvidi. Tiel longe, kiam nia celo ne estos atingita, tiel longe, kiam la fina venko ne estos efektivigita, la Esperantistoj devas kompreni, ke, se Esperanto povas jam nun esti utila, ili tamen antaŭ ĉio devas klopodi por ĝin igi utila ne por si, sed *por la aliaj.* Ĉiuj niaj pensoj, ĉiuj niaj penoj devas antaŭ ĉio esti turnitaj ne al ni, sed al la ceteraj, ne al la interno, sed al la ekstero. Nu, se tia estas vere nia celo, se tia devas esti nia agmaniero, ĉu ni rajtas nomi la Esperantistaron „popolo“? Mi opinias, ke ne! kaj mi preferas nomi ĝin „paca armeo“ sub la verda standardo.

*Germana Esperantisto* (aprilo). *Jarlibro de UEA* (I. K.):

„... Ĵus aperis la nova jarlibro de Universala Esperanto-Asocio, kaj certe la nomita asocio faris per ĝia eldonado al siaj membroj same kiel al la tuta esperantistaro gravan servon. La nova jarlibro estas multe pliriĉigita, kaj komparo kun la antaŭjara mirigas pri la multaj novaj aranĝoj en ĝi faritaj. Krom la plena listo de ĉiu (preskaŭ 1200) Delegitoj kaj Subdelegitoj en la tuta mondo, krom multe pli granda listo de Esperantiaj Entreprenoj, same tiaj kun esperantista karaktero kiel komercaj kaj industriaj firmoj, la jarlibro enhavas ĉiujn informojn necesajn por la uzado de la servoj de UEA kaj de ĝiaj organoj, multajn sciigojn de komuninteresa kaj de ĝenerale praktika karaktero. Kaj la plej valora el ĉiuj novaranĝoj sendube estas la parto pri „Turismo“, kiu, dividita laŭ landoj, donas en sistema maniero multajn informojn pri la landoj mem, pri iliaj loĝantoj, registaraj kaj ekonomiaj cirkonstancoj k. t. p. kaj pri ĉiuj demandoj, gravaj por ĉiu en fremdlando vojaĝanta persono, speciale pri multaj fervojaj, poŝtaj, doganaj, hotelaj kaj restoraciaj aferoj malgrandaj kaj tamen ofte gravegaj. Al tiuj artikoloj estas aldonita listo de hoteloj, kiuj estas pretaj, por fiksita prezo akcepti esperantistajn gastojn. Tiuj ĉi listoj certe multege helpos al multaj samideanoj ĉe iliaj vojaĝoj, kaj entute oni povas diri, ke ĉiu esperantisto, kiu volas efektive utiligi al si la scion de nia lingvo, tion ne povas, ne akirante tiun ĉi modestan, tamen valoregan volumeton....“

∴ *Ĥina Socialisto,* ĉiusemajna gazeto ĥina kaj esperanta. (Redakcio: 322 Mohawk Road, Shanghai).

.·. *La Espero*, nova organo de la svedaj Esp. societoj. La 1a n-ro enhavas artikolon pri UEA. (Direkcio: Gefle, Svedujo.)

.·. *Berliner Esperanto-Anzeiger*, monata propagandilo de la Berlina Esp. societaro. (Direkcio: Grossgörschenstr. 7, Berlin W. 57.)

.·. *Mitteilungen des Deutsch-Studentischen Esperanto-Bundes*, organo por la propagando de Esp. inter la germana studentaro. (Direkcio: Neue Weinsteige 61, Stuttgart.)

.·. La n-ro de 30 marto de la franca revuo *Nos Loisirs* publikigas la regularon de la Konkurso Michelin rezervata al gejunuloj havantaj malpli ol 19 jarojn je la 1 januaro 1913. Ni rememorigas, ke la sumo de la monpremioj atingas 20.000 frankojn, dispartigatajn laŭ 379 premioj.

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Rheydter Zeitung* (12 marto); *Allgemeine Zeitung für Graudenz* (14 marto); *Fränkischer Courier*, Nürnberg (14, 20 marto); *Schlesisches Tageblatt*, Schweidnitz (15 marto); *Generalanzeiger für Nürnberg* (15, 17 marto); *Reichspost*, Wien (16 marto); *Saarbrücker Lokal-Anzeiger* (18 marto); *Nordbayrische Zeitung*, Fürth (18 marto); *Bayrische Staatszeitung*, München (18 marto); *Königsberger Hartungsche Zeitung* (19 marto); *Fränkische Zeitung* (20 marto); *Dresdner Anzeiger* (21 marto); *Hamburger Fremdenblatt* (21 marto); *Amberger Tageblatt* (22 marto); *General-Anzeiger*, Frankfurt a. M. (22 marto); *Rostocker Anzeiger* (23 marto); *Frankfurter Zeitung* (25 marto); *Geraisches Tageblatt* (27 marto); *Neue Badische Landeszeitung*, Mannheim (28 marto); *Arbeiter-Zeitung*, Dortmund (28 marto); *Greizer Zeitung* (30 marto); *Grazer Tageblatt* (30 marto); *Münster Anzeiger* (30 marto); *Über-Barnimer Kreisblatt*, Freienwalde a. O. (30 marto); *Neues Tagblatt für Stuttgart* (31 marto); *Lippstädter Tageblatt* (31 marto); *Münchener Post* (1 aprilo); *Greifswalder Tageblatt* (1 aprilo); *Central-Anzeiger*, Magdeburg (2 aprilo); *Egerer Tagblatt*, *Bezirksblatt Eger*, *Franzensbader Tagblatt*, *Berliner Tagblatt* (25 febr.); *Le Courrier Saïgonnais* (4 febr.); *L'Humanité* (25 marto); *Petit Parisien* (25 marto); *Lyon-Universitain* (26 marto); *A. B. C.*, Genève (5 marto); *La Semaine à Genève* (8 aprilo); *Everyman* (n-ro 24); *Buteman*, Rothesey; *Il Popolo*, Trento (27 marto); *L'Illustrazione Adriatico-Trentina* (4 aprilo); *Advertising*, London (aprilo); *El Correo de Zamora* (27 marto); *West-Vlaamsche Bazuin* (marto); *De Zeeuwsche Courant*, Stavenisse; *Gratis Advertentieblad*, Stavenisse; *Folkviljan*, Malmö (22 marto); *Kolding Social-Democrat* (25 marto); *Kolding Folkeblad* (27 marto).

En multaj gazetoj aperis recenzartikoloj pri la Oficiala Jarlibro de UEA 1913.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

| Listo de garantiantoj | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 15.625 |
| 58. A. Goedecke, Berlin | 125 |
| 59. J. Pearse Gandell, London | 125 |
| 60. F. Lageste, Dax (Francujo) | 125 |
| 61. E. Elten, Hildesheim (Germanujo) | 125 |
| 62. D-ro C. Vörös, Budapest | 125 |
| Frankoj | 16.250 |

Entute (ĝis la 10 aprilo) 62 Garantiantoj mendintaj 130 atestojn, valoro 16.250 frankoj (6500 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank*, *Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 marto estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 4482 kotizaĵoj (el kiuj 136 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 328; Laborista Fako: 19; Virina Fako: 41; Studenta Fako: 32.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de UEA dum marto 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1390 | 2229 | 249 |

Tuta sumo: 3868. Antaŭa monato: 2841. Antaŭa jaro (sama monato): 4357.

### Financoj.

*Konteltiro de UEA por la monato marto 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 1263. 06 | Oficejo | 108. 25 |
| Subtenantoj | 50. — | Salajroj | 460. — |
| Entreprenoj | 98. — | Korespondado | 165. — |
| Jarlibro | 104. 10 | Materialo | 100. — |
| Adm. Enspezoj | 3. 60 | Jarlibro | 570. 05 |
| Saldo | 105. 24 | Adm. Elspezoj | 12. — |
| | | Presaĵoj | 208. 70 |
| | 1624. — | | 1624. — |

### Novaj Delegitoj.

*Amarante* (Portugalujo). — D.: D-ro Artur da Mota Alves, Casa da Costa Granda.

*Bochum* (Germanujo, Rheinland). — VD.: G. Danielsick.

*Bunzlau* (Germanujo, Silezio). — D.: Karl Christoph, 25/II, Zollstrasse.

*Dortmund* (Germanujo), Vestfalio). — D.: Alexander Schwarz, 11/II, Schwanenwall.

*Emmerich* (Germanujo, Rheinpr.). — D.: Nossbach, 49/I, Baustrasse.

*Graudenz* (Germanujo, Westpreussen). — D.: Louis Segers.

*Great Grimsby* (Lincolnsh., Anglujo). — D.: Reginald Joseph Yarworth, 252, Wellington Street.

*Hemsbach* (Germanujo, Baden). — D.: D-ro Alfred Mulert, Erziehungsheim, Schloss Hemsbach.

*Jurjevskij* (Rusujo, Ekaterinoslav gub.). — VD.: A. Westermann.

*Oberschöneweide* (Germanujo, Preussen). — D.: Paul Bühring, 8, Marienstrasse.

*Padova* (Italujo). D.: Luigi Frigo, 6, Via Savonarola.

*Piotrków* (Rusujo, Polujo). VD.: Marja Rozanowiczowa, Gare.

*Soest* (Germanujo, Westfalen). — D.: Karl Eberwein, Grandweg 13/II.

*Zloczów*, (Aŭstr., Galicio). — D.: Maryan Karol Jaskolski.

### Ŝanĝoj.

*Augsburg* (Germanujo). — VD.: D-ro Richard Ledermann, 11/0, Pfannenstiel.

*Bath* (Anglujo, Sommerset). — D.: E. R. Blackett, 15, Southgate Street.

*Birmingham* (Anglujo, Warwick). — D.: William Henry Garbutt, Prince's Chambers Corporation Street.

*Châteauroux* (Francujo, Indre). — D.: Félicien Baronnet, Clion apud Châteauroux.

*Freiburg i. B.* (Germanujo, Baden). — D.: F. Antoine Wehinger, 35, Hildastrasse.

*Halifax* (Anglujo, York). — D.: Edgar Depledge, 42, Newstead Ave. Spring Hall Lane.

*Kladno* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Rudolf Novy, Esperant. Klubo.

## Rimarkoj.

*Ems* (Germanujo). — Pro foresto de la Del. oni sendu ĉiujn korespondaĵojn al la provizora anstataŭanto, S-ro Rody, Wilhelms-Inhalatorium.

*Jurjevskij Zavod* (Rusujo, Ekaterinoslaw gub.). — La Del. forestos de 24 aprilo ĝis 13 majo 1913. Ĉiujn korespondaĵojn oni sendu dum tiu tempo al la VD.: A. Westermann.

## Korektoj.

En n-ro 5 sub la rubriko *Ŝanĝoj* anstataŭ *Impilathi* k. t. p. legu: *Viipuri* (Finlando). — D.: Heikki Tenkanen, papulank. 4, loĝ. 19. En jarlibro 1913, paĝo 170, anstataŭ Zeletov legu *Zeletava*.

## Eksiĝoj.

*Gabrovo* (D.: Malĉen); *Halifax* (D.: Christie); *Kahla* (D.: Jolliet); *Penamacor* (D.: de Mendonca); *Pirdop* (VD.: Bardarof); *Salmovec* (D.: Svoboda); *Stafford* (D.: Willis).

## Esperantiaj Entreprenoj (por la jaro 1913).

*(Daŭrigo.)*

261. *Lauban,* Esp. Societo.
262. *Bahia,* Unio Sociokrata.
263. *Bamberg,* Hotel National.
264. *Breslau,* Internacia Ligo de Esp. Poŝtoficistoj.
265. *Odessa,* Societo Esperanto.
266. *Breslau,* Esp. Grupo, Loka Grupo de G. E. A.
267. *London,* British Esperanto Association.
268. *Berlin,* D-ro Arnhold, Ĥemia fabriko.
269. *Poitiers,* Esp. Grupo.
270. *Erlangen,* Reifbrau, A. G.
271. *Lyon,* F-ino Thimonnier & Ko., Fabriko de kudromaŝinoj kaj biĉikloj.
272. *Lyon,* Henry Leroudier, Fabriko de ĥemiaj produktaĵoj.
273. *Ansbach,* Librejo Fr. Seybold.
274. *Cannes-La Bocca,* F. Varaldi, Vendejo de olivaj oleoj.
275. *Cannes,* Esp. Grupo.
276. *London,* Eustace Miles Proteid Foods Ltd.
277. *Paris,* L. Menand, Reklamiloj.
278. *Paris,* Centra Presejo Esperantista.
279. *Paris,* Franca Soc. por la Prop. de Esperanto.
280. *Paris,* Sekcio de la Marista Esp. Ligo.
281. *Paris,* Federacio Esp. de la Pariza regiono.
282. *Paris,* Grand Hôtel du Globe.
283. *Paris,* Esp. Grupo.
284. *Paris,* Asocio „Les Amis de Paris".
285. *Paris,* Esp. Komerca & Industria Asocio.
286. *Valencia,* Esp. Grupo.

*(Daŭrigota.)*

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Friedrich,* Del. en Prosteĵov (Moravio) sincere dankas la Del. en Kazan, Kursk, Novoĉerkask, Orel kaj Saratov pro ilia preciza servo.

.·. S-ro inĝ. *Novak,* vicprez. de Esp. Klubo en Plzen, tre dankas S-ron inĝ. *Sostmann,* Del. en Berlin, por la afabla akcepto kaj akompanado okaze de sia vizito en Berlin.

.·. S-ro *A. Mandelo,* Esp-iano en Lodz, dankas S-ron A. Tuke Priestman, Del. en Bradford, kaj S-ron Holmes, Vicdel. en Bradford, pro ĝentilaj kaj perfektaj informoj en komerca fako.

.·. S-ro *L. Vincent,* Esp-iano en Parizo, dankas S-ron Delanone, Del. en Château Thierry, pro utilaj komercaj servoj.

.·. S-ro D-ro *Austerlitz Vilmos,* Del. en Bártfa kaj S-ro D-ro *Austerlitz Tivadar,* Del. en Eperjes (Hungario) kore dankas al F-ino Lilla Salmela, Vicdel. en Kemi (Finnlando) pro ŝiaj servoj kaj afablaj informoj, dank'al kiuj ŝi ebligis kaj plifaciligis ne nur la plivastigadon de nia lingvo en niaj regionoj, sed ankaŭ pliigis la parencajn sentaĵojn inter la du frataj nacioj: finlanda kaj hungara.

## Oni proponas!

.·. S-ro *A. Omlor,* Del. en St. Ingbert, faras la jenan proponon: „Por ke ĉiu propagandisto sciu, ĉu kaj sub kiuj kondiĉoj oni havas la rajton traduki Esperantajn artikolojn nacilingven, estus bone, se la eldonistoj aŭ verkistoj ĉiam aldonus noteton tion montranta."

# Alvokoj

## Al la interhelpadistoj de ĉiuj landoj

La Interhelpado, tiu ĉi bonfaranta feino, kiu jam kunhelpis mildigi tiom da malfeliĉaĵoj, kaj kiu estas ankoraŭ destinita por fari tiom da servoj, ĉiutage plivastigas sian agadkampon, kaj pli kaj pli vidas kreskantan sian aŭtoritatecon.

Tial unu el ĝiaj plej fervoraj apostoloj, S-ro *Léopold Mabilleau,* povis antaŭ ne longe, je rajta kontenteco, ekkrii dum festeno, kiun dediĉis al li la nacia federacio de la franca Interhelpado, okaze de lia altigo al la rango de Komandoro de la honorlegia ordeno; *„La Interhelpado triumfas, kaj tio la plej multe utilas la socian Pacon kaj la homan Fratecon!"*

Jes, tre certe, S-ro *Léopold Mabilleau* estis prava. Sed por ke la triumfo de la Interhelpado povu vere helpi la socian Pacon kaj profiti la homan Fratecon, ne nur en Francujo sed en la tuta mondo, plie estas necese, ke la Interhelpadistoj de ĉiuj landoj povu sin reciproke kompreni kaj interŝanĝi sen ia malhelpaĵo siajn ideojn.

Tiuj el ili kiuj tion volas, hodiaŭ tion povas, dank'al la helpa internacia lingvo, tiel simpla kaj, pro ĝia logikeco mem, tiel facile lernebla, elpensita de D-ro Zamenhof.

Elpensinte duan lingvon per kiu ĉiu homo, kiu ĝin volas, povas paroli kun ĉiuj siaj fremdaj fratoj, je tiom da facileco, kiom li parolas per sia propra lingvo kun ĉiuj siaj samnacianoj, la aŭtoro de Esperanto faris al la Interhelpado, kiel al tiom da aliaj fakoj de la homa inteligenteco, netakseblan servon kiu lokas lin je la unua rango de la Interhelpadistoj.

Interhelpadistoj de ĉiuj landoj, fratoj miaj, kiuj povas, en la daŭro de unu aŭ du monatoj, se vi havas nur elementan klerecon, aŭ eĉ eĉ la daŭro de nur kelkaj semajnoj, se vi estas pli kleraj, havigi al vi la rimedon, interparoli sen malhelpaĵoj, tiom bone voĉe kiom skribe, kun ĉiuj viaj fremdaj fratoj, *kiu ajn estu la nacia lingvo de ĉiu el ili,* ĉu vi rifuzos uzi tiun tiel multpovan levilon?

Tion kredi estus vere tro malŝati vin. Mi certe tion evitos, ĉar mi estas tute certa ke vi ĉiuj plezure ekkrios kun mi:

Antaŭen por kaj per Esperanto!
Kaj vivu Zamenhof, ĝia genia Elpensinto!

*S. Demarcy*
Leĝoscienca Licenciato
Prezidanto-fondinto de la Beauvais'a Grupo
Ano de la Direktanta Komitato de la
Franca Societo por la Propagando de Esperanto

P. S. — Mi petas de miaj samideanoj el ĉiuj landoj, ke ili bonvolu represigi nacilingve mian alvokon. Tion farante, ili helpos samtempe Esperanton kaj la Interhelpadecon. Antaŭe al ĉiu el ili koran dankon. — *L. D.*

## Al Balkanaj Esperantianoj

Celante, laŭ dokumentoj el la balkana milito, verki, por la soldatoj kaj oficiroj de mia regimento, precizan kaj vivoplenan pentraĵon de la tiel komplikata moderna milito, mi insiste petas la esperantistajn batalintojn, ke ili bonvolu rakonti al mi siajn proprajn impresojn kaj observojn dum la balkana milito.

Tiuj rakontoj povos havi ĉiuspecajn formojn kaj longojn; ili povos trakti pri la plej diversaj militaj temoj. La potaga rakonto simila al gazeto, kiun ofte uzas la militkorespondantoj (cetere tre malbone informitaj pro malproksimigo de la batalkampo) ŝajnas la plej interesa kaj utila formo, ĉar plej bone, ĝi permesas la detalojn, pripensojn kaj instruojn. Pli speciale interesigus min la jenaj punktoj: pafado, marŝado sub la fajro, bajonetatakado, mitraliloj, aeroplanoj; tamen ĉiuj aliaj notoj kaj rimarkoj estus tre plezure akceptataj.

Kompreneble, tradukante tiujn esperantaĵojn, mi plene klarigos kiel mi ricevis ilin pere de Esperanto kaj de UEA, kaj mi citos la monojn kaj titolojn de miaj afablaj korespondantoj.

Se la aro de la dokumentoj tion permesos, mi ilin France tradukos kaj publikigos; mi opinias ke tiu ĉi libro povus havi grandan sukceson ĉe la militistaro, pro preskaŭ plena manko de sciigoj pri la Balkanaj bataloj. — La manskriboj povos esti resendataj.

Por ĉiu komuniko sin turni al S-ro Leŭtenanto *Léclancher*, Del. de UEA en Calais (Francujo), 44, Rue de Strasbourg.

## El Hungarlando

Gravan propagandon komencis nun en Budapesto granda neesperantista gazetentrepreno, kiu komencis en Aia semajna ilustrata revuo esperantan rubrikon kun kurso. Se ili vidas grandan intereson por la gazeto, ili daŭrigos la rubrikon ankaŭ post la fino de la kurso, kaj aperigos esperantajn novelojn, k. t. p. Do ĉiu esperantisto rapidu saluti la gazeton por ĝia granda kaj grava propagando, per kiu ĝi faras grava kaj serioza la tutan movadon en Hungarlando. Kiu sin interesigas por la bela kaj ilustrata gazeto kun bildoj el ĉiuj landoj, abonu ĝin. Kiu povas sendi al ili novaĵojn kun bildoj pri mondokazintaĵoj, sendu tuj kaj ĉiam al ili. Ĉiu samideano tuj skribu al la adreso: Képes Hét, Budapest, V., Visegrády-strato 13a.

## Esperanto-Kongreso Stuttgart

Por la ekspozicio organizota okaze de la Germana Esperanto-Kongreso en Stuttgart oni tre petas, ke ĉiu samideano sendu laŭ la adreso: Oskar Ziegler, Heusteigstr. 56, Stuttgart, bele ilustritan poŝtkarton (markon bildflanke) por la ekspozicio. Laŭdezire li respondos per Esperantista poŝtkarto de Stuttgart. Ĉar la celo estas ideala kaj tre utila al la ĉi-tiea Esperanto-movado, ni esperas, ke multaj, speciale fremdlandaj samideanoj, respondos al tiu ĉi peto.

*Esperanto-Kongreso en Stuttgart*
*Sekcio: Ekspozicio.*

---

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*.
PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

AŜHABAD (Rusujo). — S-ro N. V. Starosjelskj, meza azia fervojo (por lernantoj de kursoj, kiuj deziras korespondadon).

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro R. Sirvent, ĉe Societo Esperantista „Paco kaj Amo". Montseny 67, 2° (kun ĉiuj landoj).

BILBAO (Hispanujo). — S-ro D. Albert, Heros 24.

BOCHUM I. W. (Germanujo). — S-ro Herm. Rosenthal, PI. L. (kun ĉiuj landoj).

BOCHUM I. W. (Germanujo). — S-ro Fr. Towet, Hernerstr. 78 (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI. PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Victor Szlama VII. Muranyi 32/III/31, PI. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Jozefo Madari, 1. Kerent u. 9.-I, PI. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungarujo). — F-ino Elizabetujo Vagi, IX Grof Haller u. 4/III/60 (kun ĉiulandaj fraŭloj pri sporto, amuzo k. t. p.)

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Francisko Vagi, IX Grof Haller u. 4/III/60 (kun ĉiuj landoj; pri seriozaj temoj).

CANTON (Ĥinujo). — S-ro Sifo, c/o S-ro Tseang Kwan Ngah, Standard Oil Co., Shamen (pri anarĥismo kaj revolucia movado de ĉiuj landoj).

ĈERVENY KOSTELEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro B. Ĉizinsky, PI. PM. (kun ĉiuj landoj).

CHICAGO (Usono, Ill.). — F-inoj: Bauml Agnes, Kadlec Lillian, Kadlec Mildred, Kellner Manjo, Pracna M., Prosa Manja, Repa F., Ŝilhanek A., Ŝimek M., Turek C., Votluĉka R., Veyner B.; S-roj Herda Alb., Michl V., Turek Jos. — Oni skribu al: Esperanto Oficejo de la Gradata, 1669, Blue Island Ave.

CLEVELAND (Usono, Ohio) — S-ro Stanley Kozminski, 3422 Seymour Ave.

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DAMVILLERS (Francujo, Meuse). — F-ino Lucie Ygrec, poŝtoficistino, PI.

DAMVILLERS ((Francujo, Meuse). — S-ro Lucien Bannier, str. Bastien-Lepage L. PI.

GENÈVE (Svisujo). — S-ino Umansky, 22, rue des Sources, L. (kun eŭropanoj, precipe rusoj kaj francoj).

HIROŜIMA (Japanujo). — S-ro K. Toda, No. 16, Tatemaĉi. PI.

HRONOV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Turek, PK. PI. PM.

IRKUTSK (Siberio). — S-ro Ponomarev M. M., Laninskaja ul., dom Lavrovskoj No. 2, PI. L. (pri aviacio kaj termezurado).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Curda, c. k. paedagogium, PI. PM.

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Stanislav Hlavaĉ, paedagogium, PI.

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, PI. PM. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro S. Kruse, Klara 25, PM. PI.

LIMOGES (Haute-Vienne). — S-ro G. Penot, 27, Bd. Victor-Hugo PI. PM. L.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro J. Z. Kislov, Preĉistenskaja naber, Jermakovskoe Teĥniĉeskoe uĉiliŝĉe, PI. L.

NARVA (Rusujo). — S-ro M. Ivanov, Maŝinostrojenie, PI. L. PM. (kun ĉiuj landoj).

NOVY SACZ (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Edvard Izdebski, str. Kolejova 870, PI. (kun ĉiuj landoj).

OLOMOUC (Aŭstrio, Moravio). — F-ino Marie Sĵorincova, Bêlidla 5.

OMSK (Rusujo, Siberio). — S-ro M. Skornjakov, Slobodskaja 15. PI. PM. (kun ĉiuj landoj).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Ĉerkasskaja 27, PM. Sigelmarkoj, L. (kun filatelistoj).

OVERBROOK (Usono, Pa.) — S-ro C. Wayne Vogdes, St. Charles Seminary, PI.

PALMA DE MALLORKA (Hispanujo). — S-ro Juan Urgelles, 56, Apuntadores PI. PM. L.

PASADENA (Usono, Californio). — S-ro J. B. Vreeland, 515, E. Colorado Str., L. kun socialistoj; PI. kun ĉiuj landoj.

PÉRUWELZ (Belgujo). — S-ro Fd. Englebert, PI. (kun ĉiulandaj, escepte belgaj, francaj kaj nederlandaj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Princa moŝto Ĉegodajev, Ligovka 44, kv. 315, PI. bfl. (kun ĉiulandaj virinoj kaj militoficiroj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — F-ino Hilda Steinmann, Degtjarnij pereulok 4, loĝ. 15, PI.

PORTO (Portugalujo). — S-ro Manoel da Silva Carvalho, Rua de S. Braz 209, PI. bfl. (kolorigitaj).

PORTO (Portugalujo). — S-ro Candido Madeira, Rua das Fontainhas No. 157, PI. bfl. (naciaj kostumoj kolorigitaj).

SABADELL (Hispanujo). — S-ro T. Moratonas, strato St. Feliu 10, PI. L. (tuj respondos).

SABADELL (Hispanujo). — S-ro S. Armengol, strato Cruz 43. Pl. L. (kun alilanduloj).

STADE, HAN. (Germanujo). — F-ino Anni Tegtmeyer, Poststrasse 20, Pl.

ST-CHAMOND (Francujo, Loire). — F-ino Gouzy Juliette, Avenue de l'Hôtel-de-Ville.

ST-ETIENNE (Francujo, Loire). — S-ro Bouchard, 162, rue d'Annonay, Pl. (nur kun Hispanujo kaj Ameriko).

ST-ETIENNE (Francujo, Loire). — S-ro Jean Tranchand, 44, Boulevard Valbenoite, Pl. (kun ĉiuj landoj, se eble kun Afriko).

SUOLAHTI STACIO (Finlando). — S-ro Rainer Ahonius, L. Pl· (Skribu legeble).

TAMPERE (Finlando). — S-ro Väinö Ahomaa, L. Poistokatu 6, L. Pl. (Skribu legeble).

ZUERICH (Svisujo). — S-ro H. Tobusch, Stockerstr. 64, Pl. PM. esp. gazetoj.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU FILATELISTOJ! Por unu internacia respondkupono sendas 30 diversspecajn rusajn poŝtmarkojn. Adreso: Narva (Rusujo) Joĥimstalo 181-3, A. Karusar.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Postulu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Baune*, Côte-d'Or, Franclando.

FILATELISTOJ: 120 aŭstriajn kaj germanajn PM. (20 spec.) ricevos afrankite ĉiu, kiu sendos al S-ro Stan. Stejskal, Vinohrady, str. Korunni 97, Aŭstrio, Bohemujo, tri respondkuponojn. (Por pli da respondk. pli da PM.).

AVIZO. S-ro FR. FLECK, ĝisnuna ĝenerala sekretario ĉe UEA, pro eksiĝo el sia ofico petas ĉiujn gekorespondantojn, ke ili bonvolu adresi personajn leterojn al la nova adreso: *München, Türkenstrasse 96 (Germanujo).* Korespondaĵojn por UEA oni bonvolu adresi sen aldono de nomo.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Bràzilujo.

ITALA INSTITUTO de Esperanto prenas sur sin la taskon havigi precipe por gazetoj ĉiuspecajn tradukaĵojn el itala lingvo. Adreso: Prof. P. C. Monti, K. Universita, Pavia (Italujo).

MAGAZENO de A. Mosesov deziras ricevi specimenojn de svisaj aŭ belgaj brodaĵoj kaj puntoj. Administranto A. Apresov, Kars, Kaŭkazo, Ruslando.

NATURADORANTA junulo serĉas familion en Svisujo aŭ ĉe marbordo en bela kaj sana loko. Kiu akceptas lin kiel pagantan gaston de 15 junio ĝis 15 septembro. Adreso: Ludoviko Ihasz, Budapest I, Bors str. 5 (Hungarujo).

PETU cirkuleron kun specimeno de ĝiaj poŝtkartoj interŝanĝe de unu respondkupono al: Entrepreno por la disvastigo de Esperanto, 17, Cours d'Orléans en Charleville, Francujo.

PROF. L. DELVAUX, Del. de UEA en Charleroi (Belgujo), 10, Bd. Joseph II, intencante disvastigi Esperanton ĉe la Knabo-Skoltoj (Boys-Scouts, Eclaireurs) de sia urbo kaj se eble de tuta Belgujo, deziras scii, kion oni ĝis nun faris en aliaj landoj por trafi saman celon. Li danke ricevus ĉiujn sciigojn kaj informojn pri tiu temo.

S-ro C. E. BARNES, Brackley, Anglujo, deziras ricevi sciigojn pri la leĝoj rilate al vagistoj en Francujo, Nederlando kaj Germanujo. Interŝanĝe sendos sciigojn pri leĝaj aŭ administraj aferoj en Anglujo.

